DUA JARO № 12 (15) DECEMBRO 1923

REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, DRO KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, PAULO BALKÁNYI

RESPONDA REDAKTORO:
DRO TEODORO SCHWARTZ

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: BUDAPEST, VI. ANDRÁSSY ÚT 81

NIA KUNLABORANTARO: LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FERMO) JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA H. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (SKOPLJE), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER

## AL LA LEGANTOJ!

Per ĉi tiu numero ni finas la unuan plenan jaron de nia revuo. Kvankam, kiel ni jam multfoje diris, ni ne povis fari tion, pri kio ni revis, tamen — trarigardinte la riĉan materialon de niaj numeroj, la abundan literaturan trezoron, kiu per sia stilo kaj multflanka enhavo estas eble la plej bona legolibro kaj krestomatio en nia lingvo —, kun iom da fiero ni povas diri, ke ni faris, kion ni promesis kaj kion ni povis. Sed ĉu la Esperantistaro faris, kion ni atendis de ĝi? Pri tio parolu nia paĝnombro, kiu ne plimultiĝis, kaj ĉi tiu kristnaska numero, kiu estas nur kiel la aliaj, laŭ la nombro de paĝoj. Ni diras sincere, ni havas deficiton. Sescent abonantojn ni bezonas por ne havi deficiton — kaj ni ne havas eĉ la duonon. Ĉu ne estas hontinde, ke la sola granda literatura organo de Esperanto vivas nur per la oferemo de l' eldonanto, ĉar la Esperantistaro ne povas vivteni ĝin? Pripensu kaj agu laŭ tio. Ni devas fine vivi *reale*.

### PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

### EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto-eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Oldenburg i. P. Damm 33. Raabe.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!

# LA STELO

ORIENTA LEGENDO — IVAN VAZOV

Post la vastaj Mesopotamiaj ebenaĵoj, oriente de Libano, en hela nokto, kiam la ĉieloj estis surŝutitaj per brilantaj steloj, kiuj tremis kiel vivaj briliantoj super la trankvilo de la ekdorminta mondo, leviĝis subite nova stelo.

Tiu ĉi stelo, kiun ĝis tiam neniu homa okulo vidis, estis stelo granda, hela kaj radiluma, kiel malgranda suno, kaj ĝia forta brilo paligis la ĉirkaŭajn stelojn, tremantajn sur la alta ĉielo.

Kaj tiu ĉi stelo montriĝis en okcidento.

La homoj, kiuj vidis ĝin, ekmiris. Kaj baldaŭ kuris la famo pri ĝia apero en ĉiujn urbojn kaj vilaĝojn de la regno. Kaj ĉiuj miris kaj demandis sin, kion signifas ĉi tiu ĉiela signo.

Kaj neniu sciis.

Kaj je la kvina nokto la famo pri la mirinda stelo alvenis ĝis la oreloj de tri eminentaj gloraj saĝuloj de Ĥaldeo, homoj spertaj pri la skriboj, kiuj povis rigardi en la estontecon kaj legi ĝiajn kaŝitajn sekretojn.

Kaj vidinte la stelon, ili ankaŭ tre ekmiris kaj konfuziĝis. Ĉar neniu el ili povis, malgraŭ sia profunda saĝeco, diveni, kion anoncas al la universo tiu ĉi nova astro. Kaj ili diris inter si:

— Ni trarigardu la malnovajn profetajn librojn. Eble en ili estas io skribita pri tiu ĉi antaŭsigno.

Kaj ili ekokupiĝis kun granda fervoro trarigardi la malnovan saĝaĵon, skribitan sur leporaj feloj kaj papirusoj.

Tri tagojn kaj tri noktojn la saĝuloj trafoliadis la skribojn de la profetoj, legis ilin, komentariis ilin, por trovi la klaran respondon de la sekreto.

Kaj en la fino de la tria nokto la saĝuloj ekkriis pro granda ĝojo, ĉar ili trovis en la libroj la antaŭdiron pri tiu ĉi mirinda stelo.

Kaj tiu malnova antaŭdiro rakontis, ke venos novaj tempoj, kiam en okcidento, en la Juda lando naskiĝos reĝo. Kaj la signo pri lia naskiĝo estos nova, luma stelo, kiu leviĝos en okcidento, ĝuste super la loko, kie naskiĝis la nova reĝo.

Kaj komencis tiam interparoli la saĝuloj. Kaj la unua diris:

— Neniu reĝo inter la homoj estis ĝis nun anoncata de simila stelo. Grandaj reĝoj sur la tero regis kaj ordonis, sen ke ilia apero estis notata per tia glora antaŭsigno. Certe, la nova reĝo estos pli granda ol la granda *Sezostris,* kies gloro brilis de la centporda *Tiva* apud la benita *Nilo,* ĝis la suproj de Libano kun la altaj cedroj; li estos pli potenca ol la plenpotenca *Kyros*, kiu etendis sian manon super ĉiuj landoj kaj regnoj, troviĝantaj inter la okcidenta maro kaj la ondoj de la varma oceano oriente; kaj ol la Macedona Aleksandro, kiu per venkportanta glavo vastigis sian potencon de la neĝaj Trakiaj montoj, ĝis la fontoj de la sankta *Ganges.*

Kaj la dua saĝulo diris zorgoplene:

— Tremu, kompatinda tero, ĉar terura almilitanto hodiaŭ naskiĝas! Viaj kampoj estos denove kovritaj per homaj kadavroj kaj viaj riveroj kaj klaraj torentoj vidos siajn ondojn ruĝiĝintaj pro homa sango kaj eble neniam sin levis tiom da plorado kaj kriado al la ĉieloj!

La tria saĝulo diris:

— Estu benataj niaj blankaj haroj, ĉar ili estas por ni ĝoja signo kaj fido, ke ni ne ĝisvivos tiujn terurajn tagojn, kiam la novenaskita forta reĝo elkreskos kaj viriĝos kaj per la svingo de sia glavo li faros, ke la teron kovru fajregoj, ruinoj, sangantaj kadavroj, larmoj kaj malespero. Ĉar ĉiu reĝa gloro konstruiĝas sur detruo kaj ĉiu venko estas aĉetata per la abomeneco de la dezertigo.

Tiam la tri saĝuloj diris kune:

— Feliĉaj ni estas, ke ni ne ĝisvivos tiun nigran tagon.

Kaj poste estis parolate pri la nomo de la nova reĝo. Kaj ili volis ekscii la nomon de la nova almilitanto de l' tero,

kiu ĝin kovros per sango kaj ruinoj. Kaj ili serĉis denove kaj trovis misterajn signojn en la libro de saĝeco. Kaj ili multe pensis por diveni la kaŝitan sencon de tiuj ĉi signoj.

Kaj ili trovis surprizite ke la nomo de la nova reĝo estas:

*AMO!*

Kaj tre ekmiris la saĝuloj kaj ekĝojegis iliaj koroj, ĉar ĉiuj iliaj timoj pri la homaro malaperis.

Tiam ili diris:

— Feliĉegaj ni, trifoje feliĉegaj, ke ni ĝisatendis la naskiĝon de la reĝo de l'Amo. Ni iru por riverenci antaŭ li, la stelo kondukos nin al li.

Kaj la tri blankbarbaj saĝuloj prenis kun si la plej bonodorajn aromojn, lavendon, mirhon kaj oron, por ilin alporti antaŭ la lulilon de la bona reĝo, kaj ili ekrajdis al la Libanaj montoj.

Kaj la stelo iris antaŭ ili kaj montris al ili la vojon.

Kun la permeso de l'aŭtoro el la bulgara:

Iv. H. Krestanoff, L. K.

---

# VIVO KAJ MORTO

EL LA LIBRO „STŮL ŽIVOTA" (TABLO DE LA VIVO) — J. B. FOERSTER.

En bela printempa tago konsternis min informo, ke subite mortis juna virino el mia parencaro. Ŝi vivis proksimume dudek jarojn kaj ŝi foriris en la unua jaro de sia edzina vivo.

La sekvintan tagon ni iris en malĝoja sekvantaro, tra ridetanta pejzaĝo al malgranda tombejo ekster la urbo, tra longa aleo, [surŝutita per falintaj floroj, tra atmosfero plena de lumo kaj dolĉa odoro.

La kantadon de ĥoro sekvadis kantado de birdoj kaj mallaŭta zumado de abeloj, ĉirkaŭflugantaj la florantajn arbojn kaj herbejojn. Bildo, kiun mi trovis poste en la poemo de J. V. Sládek „Kampa vojo". *

Ni ĉiuj amis ŝin, tiun malgrandan mortintinon, tiun delikatan reveman animon, kiu mem estis la poezio en sia ekstero kaj interno. Ĉiu el ni amis ŝin, ĉar ŝi estis el la homoj, kiuj vekas komunan intereson, disdonas feliĉon de sento al ĉiu, kiun la sorto igis renkonti ilin.

Ni marŝis kune, li kies ŝi estis modela filino, dua, kies ŝi estis edzino, tria, kies ŝi estis fratino, kvara kaj kvina, kies ŝi estis amikino, fine mi, kies ŝi estis la unua amo kaj senco de l' vivo.

Vespere, post la enterigo, la tuta societo sidis en malgranda gasteja ĉambro. Ni kunvenis korpremitaj, lacigitaj, kun okuloj en kiuj apenaŭ sekiĝis ankoraŭ la larmoj de la granda doloro.

Komence estis silento, sed iom post iom, kvazaŭ nerimarkate, komenciĝis pli viva interparolado. Oni parolis pri ŝi, kiun ni lasis antaŭ horo tutsola proksime de tie ĉi, post la malalta muro.

Kaj denove post iom da tempo ekfluis interparolado, ankoraŭ pli viva. La estanteco venkis. Oni parolis pri la interesoj de l' tago, debatis pri politiko.

Malfrua pasanto, kiu estus enirinta en la „sinjoran ĉambron", estus aŭdinta bruan interparoladon, gajajn voĉojn, ĝojan ridon. Pripensu: ridon de tiu, kies modela filino estis la kara mortintino, de la dua, kies ŝi estis edzino amata kaj amanta, de la tria, kies ŝi estis fratino, de la kvara kaj la kvina, kies ŝi estis amikino, fine la mian, de kiu ŝi estis la unua amo kaj la senco de l' vivo.

La steloj lumis la unuan fojon super la freŝa tombo. Tie sur la tombejo venkis la m o r t o. Sed el la „sinjora ĉambro" sonis en rido la venko de la v i v o.

El la ĉeĥa: Vl. Foltýn.

### KAMPA VOJO

J. V. SLÁDEK:

Kampavoje, ĉerk' sen fermo,
ni ŝin portis al eterno.
Vento junan grenon luis,
birdoj kantis, suno brulis
super kantoj vivoplenaj
kaj okuloj mortserenaj.

Apud voj' la arboj koran
sendis al ŝi kison floran,
preter frunto morte bela
vage pasis zum' abela.

Ni ŝin portis, kantis ĥore,
sonoriloj sonis plore.

El la ĉeĥa: *Rud. Hromada.*

* Förster sub influo de la priskribata travivaĵo verkis melodion por la poemo, kiu hazarde tiom koincidis kun tio, kion li tiam travivis. La kanto fariĝis fama pere de ĥoro de instruistoj kiuj ĝin kantis en multaj urboj eŭropaj kun granda sukceso. *Hromoda.*

# LA VENĜO DE L' FEOJ

KRISTNASKA FABELO — MARIA PRANICKA

La antaŭkristnaska vespero ĉe ni, en Kievo, en la nuna jaro estis neordinare malvarma. Dniepro jam delonge estis glaciita. Dum la kvietaj serenaj noktoj la plena luno brilarĝente lumis sur la nigreblua veluro de l' ĉielo, kun Oriono, Siriuso kaj la Plejadoj. Pro la sennuba vetero la tago estis gaje sunbrila, sed la vespero jam prezentis sin frostega. La pasantoj, kun kolumoj levitaj, kuretis ĉiu al sia hejmo. La neĝo kraketis sub la piedoj. Ĝi kraketis gaje sub la piedoj de pasantoj, kun felaj kolumoj, ŝargitaj per aĉetaĵoj — ŝinko, kukoj, bombonoj, viandaĵoj. Sub miaj piedoj ĝi kraketis malĝoje, ĉar mi revenis sola mian silentan ĉambreton. Pro la festo mia mastrino duoble hejtis la fornon, sur mia tablo estis preparita sufiĉa vespermanĝo. Sed mia soleco en la solena vespero estis tiom doloriga, ke mi ne havis emon manĝi, nek ĝui la varman ĉambreton. Ĉu ĝi estas la festo ... por mi, la sola? Tiu festo ja ĉiam havas familian intiman aspekton. Oni metas fojnon sub la tabla tuko. Oni pretigas la tablon. Kiam aperas la unua stelo en la ĉielo, oni tuj eksidas, kaj komenciĝas la sankta vespermanĝo: kukoj, tritika kaĉo, mielo, kompoto el prunoj. Post la manĝo oni longe sidas ĉe la fajranta forno, oni aŭdas rakontojn de la maljunuloj, kaj oni kviete kuŝiĝas kun antaŭĝuata plezuro pri la morgaŭo, pri la tuta semajno, plena je vizitoj, amuzoj, alivestadoj, sorĉodivenoj, ŝercadoj ... Ne, mi ne povas resti sola hejme! Mi do eliris, kaj ree ekpaŝis en Kresĉatik, la ĉefa strato. La pasantoj jam malpliiĝis. De temp' al tempo trakuradis glitveturiloj kun tintaj sonoriletoj. Super la neĝekovritaj tegmentoj aperis la ronda luno, jam malkreskanta dekstraflanke. Mi devis plirapidigi la paŝadon por iom varmiĝi, ĉar la frosto pliiĝis. Post duonhora marŝado mi returnis min hejmen, kun iom da laco invitanta al dormo. Baldaŭ mi estis en mia ĉambro. Sen vespermanĝo, sen vizito al mia mastrino, mi estingis la lampon, kaj malgaje enlitiĝis. La korpa laco iom malakrigis la animan doloron, sed tamen granda melankolio min tenis. Mi ne povis ekdormi. Tra la du pordoj, kiuj apartigis mian ĉambreton de la mastrina ĉambraro, mi apenaŭ aŭdis la voĉojn kaj la tintadon de la manĝilaro. Ili vespermanĝis. Poste iom pli klare mi distingis la voĉojn de la filineto, kiu ion ekscite rakontis. Fine al mi venis la lastaj vortoj — „Kia frostego ekstere! Ĉu Dio volas nin puni, sendante froston por tiom granda festo?“

Tiuj vortoj min ial frapis. La demando estis ja prava. Kial la solenaj tagoj de la Kristnaska semajno trafas plejofte la netolereblajn frostojn? Mi imagis la malriĉularon, nun tremantan sub ĉifonoj, en siaj ejaĉoj. Kiom da malbenoj, kiom da ĝemoj sonas hodiaŭ! Jes, festo, por homoj ... kiuj havas hejtaĵon. Sed



Goya: Akrigisto — Budapesta Muzeo de Belaj Artoj

por la ceteruloj ĝi estas terura vespero kaj tremiga nokto. Ne, mi ne povas dormi en ĉi tiu sankta nokto... des pli ke la lunhelo neordinare fortas! Kun facileco mi elsaltas el la lito, kaj jen mi ree en la strato. Ĉifoje la urbo dormas. Ĉio estas silenta. Nek unu lumeto, nek unu pasanto. Sub miaj piedoj la neĝo krakas tro forte, kaj tio min timigas. Strange estas ke mi ne vidas noktajn gardistojn, nek policanojn. La lunbrilo falas el post mia dorso, de ie el la zenito, ĉar ombron mi ne vidas. Jen la fino de l' ĉefstrato... Jen la ĝardeno sub kiu brilas Dniepro. Mi malsupreniras, ĉar mi nun aŭdas konatajn voĉojn.. Jes, la voĉoj de miaj kamaradinoj, Marusja kaj Nata! Ĉi tie jam ne estas neĝo, sed altaj herboj kiuj malrapidigas mian iradon...

— „Oh, Manjo! Bonege! Ni kune promenu!" ĝoje min akceptas la kamaradinoj, kaj triope ni transiras Dniepron sur la ponto senfine longa. Subite mi sentas nudaj la piedojn, mi turnas la okulojn, kaj vidas ankaŭ nudajn piedojn de miaj kamaradinoj. Mi ion ekkrias, sed ili ridas pri mi. Ni iras sur la herbo mola, miksita kun floroj ĉiakoloraj... La sama luno brilegas, tamen plezure mi sentas varmetan aerblovon. Proksimiĝas arbaro... Tra la trunkoj ni vidas ruĝetan lumon... aŭdiĝas kantoj kaj gaja bruo da voĉoj! Ni ŝanceliĝe haltas... kiam aliras nin el maldekstre knabino kun floroj ĉirkaŭ la frunto. „Venu, karulinoj ni vin atendis delonge!" ŝi diras ridetante, kaj ni konfide sekvas ŝin...

Ĉirkaŭ la fajro ni vidas kamparanojn, en blankaj ĉemizoj, en feloj, de ĉia aĝo... „Ni komencu nun la vespermanĝon!" aŭdiĝas krioj tuj, kiam ni eniras la societon. Kaj ĉiuj eksidas en la rondo, vizaĝoj al la fajro; ni ankaŭ. Restas staranta sole maljunega blankbarbulo kun alta bastono, sur kiu li sin apogas ambaŭmane. Fariĝas silento... nur la fajro kraketas kaj ĝiaj ekflagroj vastigas la ĉirkaŭan arbaregon, ankaŭ silentan. „Kristo naskiĝas! Nia Suno naskiĝas..." inspire ekparolis la maljunulo. „Pasis la plej nigra tago. Revekiĝis la Ĉiela Filo. Nia Suno revenas al ni..." Melodia voĉaro kovras la vortojn de l' maljunulo. Infanoj kaj junetaj knabinoj kantas Kristnaskan himnon. Ĉiuj leviĝas kaj krucosignas sin. Nun la maljunulo sidiĝas, ankaŭ ni ĉiuj reeksidas... komenciĝas la manĝo. Oni disdonas rondajn kukojn kiuj bilde reprezentas sunan diskon. Oni trinkas mielan vivon. Oni manĝas sanktan tritikan kaĉon. Grandaj knaboj duonenudaj alportas sekajn branĉojn kaj senĉese ĵetas ilin en la fajron. Knabinoj plektas festajn florokronojn, kantante pri la bona suno kaj pri lia fratino luno. Maljuna virino ĉirkaŭata de la junularo, antaŭdiras la iradon de la venonta jaro, rigardante la fajrerojn kiuj ŝutiĝas el du brulŝtipoj kruce frotataj.

Sed jen, subite, ĉiuj eksilentas, ĉar eksonis klaraj sonoriletoj de procesio. Alvenas brunhaŭta viro, proksimume kvardek-jara, akompanata de dekdu junuloj. Ĉiu junulo tenas dekstramane torĉon, kaj per la maldekstra mano fervore sonoras. „Nia profeto..." klarigas al mi la apuda knabino... Oni ĉesas ĵeti la sekbranĉojn, la fajro trankviliĝas, iĝas ruĝa, la arbaro pleniĝas per ombroj kaj pli proksime ĉirkaŭas nin. La profeto ekparolas. Unue li laŭdas la Sunon kaj glorigas la Ĉielon. Due li dankas la ĉeestantojn pro ilia pia partopreno. Poste li alvokas la favoron de feoj. Aerofeon li petas doni freŝan venton kaj fruktigan pluvon. Terfeon li admonas kreskigi la herbojn, florojn, grenojn kaj arbojn. Arbarofeojn li petegas kvietigi la ursojn, lupojn kaj urojn. Fine li instruas la junularon. Precipe li insistas pri la bona konduto al la bestoj kaj kreskaĵoj. „Ve al kiu tuŝas senkulpan vivaĵon aŭ vivantan kreskaĵon. Feliĉaj ni estas en niaj arbaroj, kie ĉiu arbo estas nia amiko, ĉiu besto — nia frato. Ve al la homoj, se ili hakos arbojn, ili per tio kolerigos la feojn. Pasos centoble cent sunnaskoj, kaj la homoj forhakos la sanktajn arbarojn. La naskon de Ĉielido ili festos abomene, manĝante porkaĵon kaj bruligante vivajn abiojn. Pro tio ili estos punataj, ĉar la feoj venĝas ĉiun ofendon al la terpatrino, al la verdarbaro. Tiujn malpiajn homojn la aerofeo punos per longaj malvarmoj, la arbarofeo punos per kruelaj lupoj kiuj havos vizaĝojn homajn, la terfeo punos per skuoj de la tero... Terura estos la venĝo de la feoj..." La profeto finis. La kantantaro ekhimnis. La knaboj ekĵetis la sekbranĉojn. La fajro rebrilis, rekraketis... kaj mi vekiĝis en mia jam malvarma ĉambreto. La luno videble malleviĝis. La fenestraj vitroj estis blankaj pro la prujno. Aŭdiĝis malrapida horbatado: unu, du tri,... sep! Jam la mateno Kristnaska... La malvarma, malgaja, doloriga mateno!

---

## ĜEMO

*Aparta mia mem' doloras al animo.*
*Ve, kiso, ĉirkauprem' puŝiĝas al la limo*
*De korpo mia,*
*Eĉ plej pasia*
*Momento de plezur'*
*Refalas de ĉi tiu mur',*
*Refalas svene . . .*
*Ne povas flamo nin fandi tute, plene*
*Je unu kaj la samo . . .*
*Ho amo, vi, senpova amo ! . . .*

K. de Kalocsay

# LA KVINFUNTA BILETO

MARY E. MANN

— Kvinfuntaj biletoj ne kreskas sur arbetoj; memoru tion, — severe diris la edzo.

— Mi scias, karulo, — milde konsentis la edzino.

— Do gardu pri tiu ĉi; kaj se vi povos aĉeti la robon per malpli da mono, faru tion.

— Oni ne povas aĉeti taŭgan festrobon per malpli ol kvin funtoj, — ŝi klarigis al li. — Ne plaĉus al vi vidi min ĉe la Teniskluba Balo en malkara, ordinaraspekta vestaĵo, dum ĉiuj aliaj, bone vestitaj, dirus unu al alia: „Jen la edzino de Norman Heath. Kiel mallukse vestita, la kompatindulino!"

Norman Heath, kiu sentis en la plej interno de sia animo ke li povus ekzisti, eĉ konservi sian propran memrespekton dum tia ordealo, estis tamen tro saĝa por diri tion. — Nu, ne forgesu la monon, — li admonis.

— Kaj ne perdu ĝin.

— Norman! Kvazaŭ mi iam en la vivo estus perdinta kvinfuntan bileton!

— Sed vi perdis vian bracelethorloĝon . . .

— Ho, vi ja estas maljusta! Vi bone scias, ke ĝi estis postlasita en tiu hotelo kie ni loĝis dum nia mielluno; kaj la aĉuloj ne volis resendi ĝin.

— Vi perdis mian perlan pinglon, kiun vi elprenis el mia tirkesto.

— Vi ja estas malafabla. Mi ĝin pinglumis *absolute sendanĝere* en mia punta skarpo. Ĝi elfalis; jen ĉio! Mi ne estis senzorga pri ĝi.

— Mi donis al vi antaŭ nelonge dekŝilingan moneron por aĉeti ombrelon anstataŭ tiu, kiun vi forlasis en la tramveturilo, kaj . . .

— Mi scias, ke vi estas dironta ke mi ĝin perdis! Tion mi ne faris. Pro la bonega kialo,ke vi neniam donis ĝin al mi. Ho jes! vi kredas, ke vi donis, mi estas certa! Sed vi neniam, neniam donis, Norman, neniam!

— Bone, bone! Tio sufiĉas! Pro la ĉielo, ni ne rekomencu argumenti pri tio.

Estis malmultaj aferoj en la mondo kiuj pli plaĉis al S.rino Norman Heath, ol viziti la urbon por aĉetado, kun kelkaj funtoj en la poŝo. Ŝi estis tre juna, ŝi estis tre bela, ŝi amis luksan vestaĵon kaj laŭmodajn falbalojn. Laŭ la jara enspezo de kvincent funtoj, ŝia edzo ne povis doni al ŝi grandan sumon por aĉeti vestojn, eĉ se li ne estus tiel ŝparegema ke Nora, lia edzino foje akuzis lin pri avareco. El la tridek funtoj, kiujn li lotumis al ŝi ĉiujare, ŝi tre malfacile provizis al si la vestaĵojn, kiujn ŝi kredis taŭgaj al sia pozicio. Sed kiam, kiel je la nuna okazo, por nova robo por la Teniskluba Balo, Norman elpoŝigis kvin funtojn, ŝi sentis ke ŝi povos festi kun gaja koro ĉe la elspezo.

Ankaŭ ne estis necese, ke ŝi elpagu la tuton por la robo. Ŝi estis vidinta, sur la listo de Peter Robinson, notojn pri junulinaj roboj el rozkolora kaj blua kaj viola travi-



Goya: Knabino kun kruĉo — Budapesta Muzeo de Belaj Artoj

deblaĵoj super kontrastaj silkoj, kiuj estis „perfekte dolĉaj". La kosto de tiuj estis po du funtoj kaj duono. Jen restos al ŝi du funtoj kaj duono elspezeblaj por aliaj objektoj.

Ĉu juvela ligilo por la haroj, kun alta plumo, tia, kia estis portata de tiu ĉarma knabino sur la ĵurnala modpaĝo?

Eble. Ĝi konvenus al ŝi, kaj aspektigus sin pli alta.

Ĉu ŝuoj kaj ŝtrumpoj samkoloraj je la robo? Tio ĉi estas absolute necesega.

Ĉu novaj longaj gantoj?

Ŝi havas paron, dufoje portitan, pri kiu Norman estis konsilinta ke ŝi purigu ĝin por tiu ĉi okazo. Sed — nova robo kaj purigitaj gantoj!

Aŭ ĉu ŝi forlasu ĉiujn ĉi objektojn, kiujn ŝi tiel kore deziras, kaj aĉetu per la du funtoj kaj duono novan festmantelon?

Jen agrabla kaj sufiĉega nutraĵo por mensa diskutado, dum ŝi sidas en sia angulo rapidante tra la dudeko da mejloj, kiu disigas ŝin de la rava Peter Robinson; premtenante per ambaŭ manoj la malgrandan ledan saketon kiu enhavas ŝiajn mondajn propraĵojn.

Estis nur unu alia kunsidantino en la duaklasa fako per kiu S.-rino Norman Heath faris sian agrablan vojaĝon, nejuna sinjorino nigre vestita, kiu okupis la finan seĝon ĉe la kontraŭa flanko. Nora, momente ĉesigante la meditadon por tien rigardi, observis sian kunvojaĝantinon kun malŝato, preskaŭ kun malamo. Ŝi estis *tiom* nigre vestita, kiel diris Nora al si mem; ŝi sidis tiel senmove; ŝia dormanta vizaĝo estis tiel malbela. Ĉar ŝi dormadis, kiam Nora eniris la vagonaron, preskaŭ kvazaŭ neniam ŝi estus vekiĝonta; ŝia mentono kun siaj pezaj malpalaj linioj dronis pli kaj pli profunde en la nigran pelton sur ŝia gorĝo.

Nora estis sufiĉe juna por esti kruela; ŝi opiniis, ke tiu kompatinda dormema sinjorino en la funebra vestaĵo estas malagrabla vidaĵo, kaj riproĉis la sorton kiu metis ŝin en la saman klason. „Ŝi nepre trinkis ion, kio igis ŝin dormegi tiamaniere en tia sunluma, hela mateno", ŝi diris al si mem, kaj rigardis suspekte la nigran vojaĝsaketon sur la benko apud la dormantino. „Boteleto da brando en tiu, mi estas preskaŭ certa!"

Sed en tiu momento la vagonaro haltis en Wimbledon, kie esperebla Ada Regrave atendas ĝin. Ada estis malnova samlernejanino, kiu amis helpi en la elekto de roboj por la bela Nora; ŝi estis avizita pri la vizito ĉe Peter Robinson kaj pri la vagonaro, ke ŝi ĝin atendu. S.-rino Heath stariĝis, eĉ kliniĝis el la fenestro, por bone vidi laŭ ĉiu direkto la peronon. Ŝi ne estis supozinta, ke ŝia amikino mankos al ŝi. Ŝi serĉis la konatan ĉapelon kun ĝia alta, rektestaranta plumo, ĝis kiam la vagonaro ekiris de la stacio. Aĉa Ada!

Ŝin turnante, kun bedaŭra ĝemo, por residiĝi, ŝi eksaltis nerve, trovante apud si la kunvojaĝantinon.

— Pardonu min; vi lasis fali la saketon, — diris la nigrevestita virino.

Ŝi tenis per la mano la karegan saketon, kiun S.-rino Heath estis premteninta tiel zorge per ambaŭ manoj, ĝis kiam, ekstarante, ŝi tute forgesis ĝin, kaj lasis ĝin fali sur la plankon.

— Kiel stulta mi estas! Mi tre dankas vin, — diris Nora, ne tre afable, ĉar ŝi estis eksurprizita; ŝi kaptis la saketon, dum la funebre vestita sinjorino reiris denove al sia seĝo en la kontraŭa angulo. Tie, komforte ordiginte sin, ŝi endormiĝis denove. Nora ekrigardetis ŝin kun pli amika sento. Kiel naiva estis la maljunulino, venante de la alia flanko de la fako por levi la falintan saketon de la planko! Kiel altrudema estas tia persono! Tamen, la kompatinda maljunulino sendube intencis esti afabla.

Aĉa Ada! Ŝi devos sola decidi pri la robo. Ŝi imagis aŭdi la junajn vendistinojn ĉe Peter Robinson, dirantajn, ke la rozkolora super flava, aŭ la blua super lavendra, aŭ la verda super griza, perfekte taŭgas al la sinjorino, sed kiel ŝi juĝos, per si mem, kiu el ili plej bone taŭgas?

Sed jen la lasta stacio antaŭ Waterloo!

Nu, ĉu ŝi havas pretaj la tri pencojn por la portisto kiu vokos la aŭtomobilon, kaj la du ŝilingojn kaj ses pencojn por la veturigisto? Jes, jen ili estas, kun la ŝilingo kiun Norman, bonkora knabo, donis al ŝi por aĉeti la tagmanĝeton. Ĉio en la fundo de la saketo; kaj en la malgranda interna poŝeto farita en la subŝtofo estas la kara kvinfunta bileto.

Ŝi delikate palpis por ĝi per la engantaj pintoj de siaj fingroj; ŝi time enŝovis la tutan mallarĝan maneton; ŝi tiris la internan poŝon ĝis ĝia plej granda amplekso kaj enrigardis en ĝian plej malaltan profundon. La kvinfunta bileto estis for!

Kun freneza trorapideco ŝi renversis la saketon, elskuis ĝian enhavon sur siajn genuojn. La poŝtuko; la fervoja bileto; la eta notlibro; la arĝenta krajoningo kiu estis la unua donaco de Norman al ŝi, kaj kiu ĉiam rifuzis skribi; la ŝilingo por tagmanĝo; la du ŝilingoj kaj ses pencoj por la veturigisto; la tri pencoj por la portisto; ĉiuj ĉi; nenia kvinfunta bileto!

Nora ekrigardis la kunvojaĝantinon dormantan en la angulo. Subite ŝi komprenis kial la maljunulino kun la malbela vizaĝo estis starinta ĝuste post ŝi kaj laŭ tiu mistera maniero, tenante la saketon.

Kion fari? Kion — ho, kion fari?

Ĉu voki la gardiston? La virino estus tro rapida por ŝi, elsaltante antaŭ ol la vagonaro haltas, forkurante. Ĉu ŝi povus premteni ŝin, kriegi al la polico, fari publikan spektaklon? Poste ŝi devus oficiale akuzi la virinon, mem iri al la policejo. Kiel aĉa estus tio! Kaj, eĉ tiel, ĉu ŝi povus ricevi la kvin funtojn?

La maljunulino kuŝis kun okuloj fermitaj, ŝajnigante dormon. Ŝi estis atendanta ĝis la vagonaro komencos malplirapidiri — tiam ŝi eksaltos de la benko, kaj ekkuros por liberigi sin, lasante Nora'n senhelpa.

Nora ne volis atendi tion ĉi. Ĉiam bravulineto, ŝi nun havis la kuraĝon de malesperanto. Ŝi tuj atakos la ŝtelintinon. Ŝi akuzos ŝin vizaĝon kontraŭ vizaĝo, kaj postulos la redonon de la mono. Ŝi movis sin laŭ la seĝo ĝis kiam ŝi sidis kontraŭ la pli aĝa virino, poste ŝi rekonis ke, kvankam ŝajnis nekredeble, la virino efektive dormas.

Ŝi ne ronkadis — iu, ŝajnigante dormon, povus imiti ronkadon, — sed ŝi elŝovis la lipojn, malbelege, elspirante malgrandajn sonojn similajn al eliĝanta vaporo. Ŝajniga dormanto ne farus tian bruon, nek permesus al si aspekti tiel malbele, kuŝante kun mentono premata en la pelton sur sia brusto, la kapo flanke, la ĉapelo falinta antaŭen. Ĉe ŝia flanko, sub ŝia nigre gantita mano, kuŝis la saketo, kiun Nora suspektis enhavi la brandobotelon. Ne estis tempo por heziti. Post unu momento la vagonaro haltos en la stacio Waterloo. Antaŭen apogante sin, tro ekscitite por esti singarda, Nora movis la saketon; la nigregantita mano falis flanke de la posedantino; la sonoj de eliranta vaporo ankoraŭ aŭdiĝis. La saketon ŝi malfermis; jen faldita ĵurnalo, poŝtuko, pakaĵo da sandviĉoj, kaj, jes, boteleto! Ĉio flankenĵetiĝis, kaj poste — bonŝanco! ho bonŝanco! Jen monujo! Granda, gravaspekta monujo kun arĝentaj anguloj. La monujo, malfermite, montris sin plena je ŝilingoj kaj kupraj moneroj; sed jen meza fako fermita per risorto. Tiun ĉi Nora malfermis; ŝiaj tremantaj fingroj obstine plenumis la taskon.

La Fortuno favoras la bravulojn kaj la lertulojn. Jen la kvinfunta bileto!

Tie, zorge faldita, kiel kiam Norman donis ĝin kaj S.-rino Heath metis ĝin en sian propran saketon, tie ĝi kuŝis en la interna fako de la monujo de la alia virino.

Dum Nora, forpreninte la bileton, refermis la monujon, kaj, tro ekscitite por esti singarda, ĵetis ĝin en la malfermitan saketon, la akurate revenantaj sonoj de eliranta vaporo estis interrompitaj, la dormantino spiregis, movis la kapon de unu ŝultro al la alia; je la sono de la fermo de l' saketo ŝi malfermis larĝe la okulojn.

— Ĉu tio estis pafo? — ŝi demandis.

Nora, surprizite de la voĉo, rigardegis la dormemajn okulojn, momente konfuzite, dirante nenion.

La maljunulino sin levis, rektigis la ĉapelon, remetis sian vizaĝon en ĝian sendorman malbelecon, — malbeleco tute malsupera al tiu de ŝiaj dormaj momentoj. Ŝi ŝajne pensis, ke ŝi devas pardonpeti al sia kunvojaĝantino. „Mi sendube dormetis", ŝi diris. „Ĉu ni jam alvenis?"

Nora stariĝis antaŭ ol la vagonaro haltis, „Tiu ĉi estas la stacio Waterloo", ŝi diris.

Ŝi venkis iom malfacile la deziron forkuri, kiun ŝi sentis. La justeco estis je ŝia flanko. Ŝi ne timu. Kiam la pli aĝa virino etendis la manon al la saketo ĉe sia flanko, Nora kliniĝis al ŝi, metante sian junan, ekscititan, belan vizaĝon apud la sekan kaj velkintan vizaĝon de la virino, kiu estis ŝtelinta al ŝi.

— Vi estas prava; vi ja dormetis, — ŝi diris akre. — Sed mi estis tute sendorma!

Tion dirinte, kaj ekrigardinte triumfe kaj provoke la timigitan vizaĝon de la maljunulino, S.-rino Heath levis alte la kapon, kaj marŝis el la vagonaro.

— — — — — — — — — — — — —

La tago estis tute sukcesa. Ŝia manĝeto el taso da kafo, bulko, kaj butero estis bongustega, kaj kostis eĉ ne unu pencon pli ol antaŭdiris Norman, lerta knabo. La aŭtomobila veturigisto, se ne malkaŝe danka ricevi kvar pencojn pli ol sia laŭleĝa rekompenco, tamen ne estis insulta; la portisto akceptis sengrumble du pencojn anstataŭ la tri lotumitaj al li. Per la tri pencoj tiamaniere ŝparitaj, Nora povis aĉeti areton da violoj por porti hejmen kiel beligaĵon por la butontruo de sia edzo. Provportinte la rozkoloran, la verdan, la grizan super kontrastaj silkoj, ŝi fine decidis havi blankan kaj arĝentan; ĉar la junaj vendistinoj opiniis, ke kvankam ĉiu sekva kombino de koloroj estas pli ĉarma por ŝi ol la lasta, tamen neniu tiel taŭgas al la blondeco kaj juneco de la sinjorino kiel la blanka.

Norman, bona knabo, renkontis ŝin en Leatherhead. Ŝi donacis la violojn: diris al li ĉion pri la nova robo, silentante pri la historio de la malgranda ruzo per kiu ŝi sukcesis aĉeti la ceterajn objektojn, necesajn por ŝia vestaĵo ĉe la Balo. Ankaŭ ŝi ne diris kiel dolĉe Peter Robinson konsentis atendi je la pago pro la nova matenkostumo de ŝi aĉetita, ĝis kiam ŝi ricevos la proksimuman kvaronjaran vestaĵmonon.

Ĉu diri la historion pri la perdo de la kvinfunta bileto kaj ĝia retrovo, aŭ ĉu ne, ŝi ne estis tute certa. Norman, kiu antaŭ jaro, kiam ili estis gefianĉoj, pensis ŝiajn iom senzorgajn kutimojn tiel ridigaj kaj allogaj, jam nun okaze

emis riproĉi ŝin pro ili. Eble li dirus, ke se ŝi ne lasus fali la saketon, la maljuna virino ne povus ŝteli al ŝi, aŭ eble li farus ian simile malsaĝan komentarion.

— Mi ĝojas, ke vi akiris kion vi bezonis, karulino, — li diris, kiam ŝi estis plene priskribinta la belaĵojn de la blanka kaj arĝenta.

— Mi estas certa, ke vi aspektos tre bela. Sed diru al mi, kiel vi aĉetis sen mono?

— Sen mono, Norman!

— Jes.

— Nu, vi malsaĝa knabo, mi havis vian kvinfuntan bileton. Ĉu vi forgesas tion?

— *Vi* forgesis ĝin, — li diris. — Mi trovis ĝin kuŝantan sur la tualetotablo, kie vi estis lasinta ĝin, kiam mi revenis hejmen, akompaninte vin al la stacidomo!

Kun afabla permeso de la autorino el la angla:
*Louise Briggs*

---

# VENU, AMATO!

H. D. NOMBERG

La malgranda rivereto eĉ ne havas nomon en la ĉirkaŭaĵo. Ĝi kuŝas kvazaŭ perdita ĉe rando de pinarbaro kaj ruletas sian akvon kviete kaj kaŝite tra sablara fundo. Malfertila tero estas ĉirkaŭe. Sur la horizonto vidiĝas flugiloj de vent-muelilo, siluetoj de disĵetitaj kabanoj. La kamparo kun siaj malabundaj grenoj faras malsaneman impreson. En la floranta jartempo, kiam la tero estas kovrita per abunda fruktrikolto, estas ĉi tie malgaje kaj melankolie, samkiel tie en la arbaro, en la dometoj inter la pinarboj, kie loĝas malsanuloj kun mortsigno sur la ruĝmakulitaj vizaĝoj. Ĉi tie ne aŭdiĝas kantado dum la garbo-kolektado. La spikoj enhavas apenaŭ po kelke da grenoj, kaj la pajlo estas malalta. Ĉi tien oni sendas falĉi la maljunan kadukiĝintan avon, aŭ la ankoraŭ pliĝibiĝintan avinon. Junaj kaj florantaj korpoj ne volas perdi vane siajn junajn fortojn kaj evitas tiun terspacon.

La rivereto fluas kliniĝinte kaj kurbiĝinte kiel la korpoj de tiuj, kiuj falĉas la grenon. Ĝi ne permesas al si iafoje fari pli akran turnon kaj direktiĝi flanken, por alpreni alian fludirekton. Apenaŭ estas aŭdebla murmureto. Cetere, malofte estas en la proksimo orelo de homo aŭ besto.

Ambaŭflanke kreskas salikoj, malalte klinitaj kaj kurbigitaj. Ankaŭ ili faras impreson de forlasita malĝoja maljuneco, jam forgesinta la juntempon. Kelkloke falas malsuprenpendanta branĉo en la larĝon de l' akvo, ekparolas la rivereto, plivivigas kaj ĝojiĝas, ĉirkaŭe kvazaŭ resonus eĥo de longe forpasintaj tempoj, antaŭ multaj dekmiljaroj, kiam sur tiu ĉi loko fluis granda, larĝa rivero kun bruegantaj ondoj, kaj la pra-antikva homo plaŭdbatis per siaj haraĵaj manoj la akvon. La ĉirkaŭa fundo, la alnaĝigita sablaro portas postsignojn de fortega torento, iam ĉi tie trafluinta.

Antaŭ multaj, multaj miljaroj ĝi estis. La tempoj estas forviŝitaj kaj nur la okulo de esploristo aŭ de inteligenta nenionfarulo, deziranta pensigi la cerbon kutimiĝintan al laboro, ekkaptas la restintajn postsignojn kaj scias la sekreton pri la iama grandeco de la malgranda akvo-malriĉa rivereto sennoma.

*

Dum varmaj tagoj kutimis promenadi ĉi tie junulo sola. Li elvenis el la pinarbaro malrapidpaŝe kaj tutajn horojn laŭiradis la riverfluon supren kaj malsupren. Oftfoje li eniĝis en la spalirojn inter la salikoj kaj sidiĝis ripozi sur klinitan trunkon. Per la bastono li kutimis foseti la teron, maldiligente kaj malzorge, kiel homo senokupa. Li kvazaŭ ludis, sed en lia ludo kuŝis ioma scivolemo, ĉar konvinkita li estis, ke grandega, forta rivero havis iam ĉi tie sian fluejon. Kaj lia fantazio forportis lin malproksimen al la delonge malaperintaj homgeneracioj kaj aliaj kreitaĵoj, iam vivintaj kaj foriĝintaj en la abismon de eterneco. Grandpart de ili tute ekstermiĝis, ne postlasante eĉ memoron eo formo de pra-praidoj.

La klara rivereto fluetis malrapide kaj respegulis lian staturon. Ĝi estis bela, juna korpo. Malhela, malbrilan travidebla vizaĝhaŭto. Nigraj, rondaj palpebroj, nigrebrilanta hararo. La ĉarmo de l' vizaĝo estis la skulptita, delikata buŝo, la dolĉaj lipoj, kvazaŭ naskitaj al longaj, ravitaj kisadoj en malhelaj maj-vesperoj, kiam la ĉerizoj floras blanke. Li aspektis tre juna, dudekkvinjara, kvankam li havis proksimume tridek jarojn. Lia vizaĝo estis freŝa kaj viva, sed kovrita per malgranda laceco, kvazaŭ li estus lacigita de longa vojaĝo. En la okulo ardis senhejmeco.

Kiam li leviĝis, sentiĝis la pezeco kaj malbrileco de lia estaĵo, ŝajnis, ke la kapo malsuprentiras kun si la gracian figuron kaj perdiĝis la simetrio inter la ŝultroj, sed tio daŭris nelonge. Instinkte li rektigis sian korpon kaj, apogite sur la bastoneto, li ree promenadis supren kaj malsupren, laŭkutime, ĝis la sunsubiro, ofte ĝis malfrua nokto.

Multfoje li vidadis ĉi tie ekbrili la stelojn kaj aperi la lunon de oriento. Tiam en la arbaro kutime aŭdiĝis voĉoj, viraj kaj virinaj: „Hola, hola!" Li respondis mallonge kaj malaperis inter la pinarboj.

La rivereto perdis sian solan vizitanton, ankoraŭ pli profunden ĝi kaŝiĝis kaj malaperis inter la salikoj kaj plue rulis la malriĉan akvon tra la nokto al la malproksima, nekonata maro. Multaj, multaj generacioj jam forpasis de la tempo, kiam la rivereto ĉesis senpere direktiĝi al sia grandega, senfina stiĥio.

La luno ekaperis ĉielmeze. La riverspegulon apenaŭ atingis rebrilo. Estis malĝoje. Apenaŭ aŭdiĝis mallaŭta zorga bruado kaj maljunaj fantomoj de forgesitaj epokoj leviĝis el la branĉar-impliko.

*

La junulo alvenis ĉi tien el la gaja urbo Parizo al siaj gepatroj, kaj la koro diris al li, ke morti li venis. Antaŭ tri jaroj la malsano lin kaptis subite, neatendite; kiel tigro sian oferon ĝi superfalis lin en la kemia laboratorio dum la laborado. Post kelkaj horoj li jam kuŝis en sia ĉambro, glutis glacion kaj estis admonata de la kuracisto eĉ ne ekturniĝi, ne ekparoleti. Alvenis al li en la difinita horo lia lasta amo, la malgranda, vualita sinjorino kun la mirindaj okuloj, kiu sian nomon kaj staton neniel volis sciigi.

— Min oni nomas „amu kaj silentu" — ŝi respondis je ĉiuj liaj demandoj. Renkontinte la kuraciston en lia ĉambro kaj ekvidinte lin en tia sanstato, ŝi apenaŭ ekkriis — „*Mon Dieu*" — kaj malaperis.

Kun ŝi foriĝis lia juneco kaj la ĉarmo de la vivo,

la mirindaj parizaj amhistorioj, kiuj al li ŝajnis kelkfoje kvazaŭ rakontoj de mil kaj unu noktoj.

— Mia juna amiko — diris la kuracisto, tenante lian pulson —, vi iomete tro multe permesis al vi. Ĉe via beleco kaj en viaj jaroj ne estas mirinde. Nun, mia amiko, oni devas abstinenci. Mi konsilas al vi eviti virin-societojn . . .

De tiam komenciĝis por li vivado, plenigita per kuracoj en sanatorioj, en Svisio kaj Egiptio. Kelkajn monatojn li estis sana, kelkajn monatojn li tusis kaj febris, li forlasis la kemion, al kiu li estis transdoniĝinta kun la tuta energio de juna serĉanta spirito; kaj el la dolĉa sangludo, el la ŝanĝaj amadoj restis nur rememoroj.

Per la resto de sia energio li turniĝis al la studo de historio; fine la historio de nia Tero, la geologio, lin tute enkaptis. Ĉe tiu studado li enviviĝis en la epokoj de milionjaroj, aŭdis la voĉon de longe foriĝintaj generacioj kaj la tragedio de lia propra vivo kvazaŭ neniiĝis kaj perdiĝis en la maro de senfinaj formŝanĝoj

*

La somero dume proksimiĝis al la fino. La tagoj plimallongiĝis kaj ĉiam pli malĝoje disflamis la koloroj vespere post la sunsubiro. Nokte jam promenadis malvarma vento. La sana gejunularo reveturis urbon en la lernejojn, la pliaĝuloj ilin sekvis, la malsanuloj restis kvazaŭ orfigitaj. Kiam du okulparoj renkontiĝis, ili rapide mallevis la rigardojn. Timo ŝvebis en la aero, la timo pro la mortportanta aŭtuno.

La malsano ekatakis, la febro plioftiĝis, kaj ĉiam pli obstine li kutimis iradi al la rivereto por tie pasigi la horojn. Malproksime de demandantaj rigardoj, de kompat-vortoj, li ĉi tie sentis sin kvazaŭ hejme. Voĉoj de forgesitaj generacioj vokis lin, kaj novaj, venontaj generacioj respeguliĝis en lia fantazio, la homa speco jam estas malaperinta de la Tero kune kun ĝiaj suferoj kaj ĝojoj, kaj fortegaj, flugilhavaj kreitaĵoj kun neimageble grandaj kaj saĝaj okuloj estas la solaj estroj de l' Terglobo . . .

Li kutimis febradi, revadi kaj fantazii kaj sentis sin trankviligita kaj konsolata.

*

En pluva tago li foje iris al la rivereto. Jam estis malfrua posttagmezo, horoj, kiam la febro kutime komencas ardi el liaj okuloj, kaj la sensignifaj, nebulaj pensoj foriĝas el lia varmega cerbo, cedante lokon al la libera ludo de rememoroj, bildoj kaj fantazioj. Malforteco lin ekregis. Frostotrema malvarmo volverampis lian korpon, liaj dentoj klakis. Poste ekvenis dolĉa varmeco. Duondisetendite li kuŝis, sin apoginte sur saliko, kun duonmalfermitaj okuloj, kiuj vidis nenion krom la sulkumita akvo.

Longan tempon li kuŝis febrante. Ĉirkaŭe jam regis mallumo. La vento disigis la nubojn kaj pelis ilin po ope tra la malhela ĉielo. De oriento naĝaperis la luno, kiel ruĝa makulo, kvazaŭ banata en sango, kaj kiam ĉesis la vento, peze metiĝis dezerta silento. Ŝajnis, ke la akvo de la rivereto rigidiĝinte haltis.

Li sentis, ke tiu horo estas grava kaj solena, kaj lia koro ekbatis pro atendado.

La trankvileco estis tuj interrompita. Torentdirekte la rivereto ekmoviĝis, de la profundaĵo ĝi venis, ĉar la akvo tie ŝaŭmbolis kaj muĝis. Malnova atendotremo lin superregis.

Kaj li ekaŭdis vokon al li turnitan. Fremdaj sonoj ili estis, profunda, klara virina voĉo. Liaj oreloj ekkaptis la fremdajn sonojn.

— *Za-li-ga-bu! Za-li-ga-bu!*

Li ekvidis en la akvo balanciĝantan kapon kun densa reto de ĉirkaŭpendanta hararo, blankajn, rondajn ŝultrojn. Kaj jen ŝi elakviĝis — fortega, nuda virino, kun hararo ĝis la genuoj. Ŝi ekmontriĝis kaj ree perdiĝis inter la branĉoj.

Per la manoj ŝi frotis la okulojn kaj ilin malfermis larĝe kaj ronde. Li sciis, ke ŝi frotas la okulojn jam de longe dekutimitajn de vidado; ekplaĉis al ŝi la bildo de l' hieraŭa mondo.

Li sidis sur sia loko ravite de feliĉa sento kaj vidis ŝin erarvagantan sur la herbejo kaj aŭdis ŝin paroladi per forgesita lingvo de praantikva gento.

La sonoj estis tute fremdaj, tamen li komprenis ŝian paroladon.

Per siaj sovaĝaj sonoj ŝi esprimis ĝojon, ke ŝi revidas la ĉielon kaj la stelojn kaj la lunon post multmiljara dormo. Ŝi rakontis historion, kiamaniere ŝia maljuna edzo ŝin kaptis foje, en momento de ĵaluzo, ĉe la haroj kaj ĵetis en la riveron kaj fine ŝi ekridis, kiel vera sovaĝulino, pri la maljuneco de ŝia edzo, kiu ŝian junecon kaj belecon ne povis ĝui . . .

Refoje kaj denove aŭdiĝis la amvokado:

— *Za-li-ga-bu!*

Tio signifis: Venu, amato!

Li silentis. Tiel li amadis en siaj, studentaj jaroj. Daŭru plilonge la dolĉa horo de atendado, de ekscitita fantazio kaj ardbolanta sangludo.

Longan tempon ŝi vagadis kaj kriadis, ĝis sopiranta tremo aŭdiĝis en ŝia vokado. En ŝia voĉo eksonoris sufokataj larmoj kaj sovaĝa malespero.

— Venu, amato! Disardigita estas mia korpo, kaj tiom longe ĝi vin atendas! Rigardu miajn brustojn, kiel maturaj ili estas! Aŭdu kiel la sango pulsobatas sub mia haŭto! Brakoj miaj estas molaj kaj varmaj, bonodoranta estas mia hararo, blankaj kaj fortaj miaj dentoj, ruĝaj miaj lipoj, brulardaj miaj okuloj, kaj mi ekstazas pro amo! Aŭdigu vian voĉon, amato! *Eva* mi nomiĝas, ĉu vi ne rekonas min?

— Ĉi tie mi estas! — li ekkriis.

Rapide kaj malpeze, kiel gazelo, ŝi sekvis lian voĉon. Rompis la branĉojn, kiuj baris la vojon, kun distaŭzitaj haroj ŝi alkuris kun sovaĝa ĝojo en la okuloj kaj falis sur lin kun disetenditaj brakoj.

Sed li okulsignis ne alproksimiĝi kaj montris lokon apud si.

— La kuracisto konsilis al mi moderecon — li diris —, atendu, la febro ĉesos, mi refortiĝos kaj alpremos vin al mia brusto . . .

Li etendis sian manon por karestuŝeti ŝiajn harojn, kaj sovaĝe ekkriis:

— Malpurega vi estas, serpentoj ĉirkaŭrampas vian korpon. Vidu, al via korpo gluiĝis ĉiuspeca putraĵo kaj rampaĵo, dum vi estis dormanta . . . kiel terurege!

Li ekĝemspiris kaj malfermis la okulojn.

Ĉirkaŭ li staris liaj proksimuloj, kiuj longan tempon serĉadis lin kaj kriadis „Hola“, kion la tuta arbaro respondis per eĥoj. Li apenaŭ komprenis kio okazis al li. Malfortan kaj pezespiritan oni revenigis lin hejmen.

De tiu tago li plu ne ellitiĝis, kaj la vizioj ne forlasis lin. La hejmanoj pliŝoviĝis al lia lito, kaj lin tio tre afliktis. Iliaj plenzorgaj vizaĝoj ĵetis sur lin grizan, teruran timon, kaj ĉe l' alproksimiĝo de la pliiĝanta febrado li kolerege ĉiujn forpelis de si.

— Lasu min en paco! Lasu min sola!

Noktiĝis kaj li ne permesis bruligi en la ĉambro Tiam malaperis la griza timo, kaj el la rivereto al proksimiĝis la fortega nuda belulino.

Per longaj paroladoj en sia fremda kaj tamen tiel melodia lingvo ŝi eldiradis sian amon, ŝia sovaĝa pasio ŝanĝiĝis je kvieta sopira sento, kaj ŝi tenis sin malproksime de li.

Li rememoris ĉiujn favorojn kaj karesojn, la amplenajn rigardojn kaj la multsignifajn parolojn, kiuj al li tiom da feliĉo donis en la vivo, kaj li eksentis kiel malgrava kaj senvalora estas ĉio ĉi rilate la solan amon, rilate la feliĉon, kiu burĝonas el la proksima korpo apartenanta al li kaj sopiratendanta lin.

— Venu, vi, mia granda feliĉo, mia senmezura amo — li flustris.

Ŝi tamen retiriĝis de li. Tio signifis: ne venis ankoraŭ la ĝusta tempo.

— Ĉu longan atendon destinis al ni la sorto?

— Jes, jes — ŝi skuis malĝoje per la kapo. Kaj plendis ĉagrenite:

Malproksime, malproksime de tie, troviĝas la maro. Ĉiunokte ŝi kuradas cent mejlojn por lavi la korpon, tra montoj kaj valoj ŝi kuras, volvite en la hararo kaj vualite per la mal heleco de nokto. La migrantajn birdo-taĉmentojn ŝi lasas malantaŭ sin, la vento ne povas ŝin kuratingi. Tiele ŝi rapidegas kaj pelkuregas al la maro por sin lavi en la sino de l' ondoj en la noktmeza horo. Frumatene ŝi estas jam reveninta, kaŝiĝas inter la salikoj. Por ke fremda rigardo ne rimarku ŝin.

Kaj ŝi malĝojiĝas.

La tago estas tiom longdaŭra. Maldiligente leviĝas la suno ĝis la zenito kaj malrapide ĝi direktiĝas okcidenten. Tago similas miljaron, ne pli frue ol vespere, en la mallumo, ŝi povas veni por lin vidi...

Per siaj bruligitaj lipoj li tiam balbutis kaj vokis:

— Venu, venu tia, kia vi estas... Mi vin kisos, amos kaj sopiratendos... Venu pli proksimen, ĉar mi ne povas pli longe haltigi mian amsopiron!

Ŝi tamen malĝoje kaj ridete, kun subtila pacienco skuis la kapon.

— Ne ankoraŭ, ne ankoraŭ! Mia korpo ankoraŭ ne estas pura!...

Lia koro kutimis tiam tremadi kaj malvarma ŝvito lin kovris.

Ĝis foje, nokte, ĉe la fino de septembro, li aŭdis ŝian voĉon vokadi de malproksime, plenĝojan kaj feliĉan, kiel la unuan fojon tie, ĉe la rivereto. La amvokado sonis sonore, sovaĝdiboĉe el la salikoj, tra la herbejo kaj inter la pinarboj de l' arbaro.

— *Za-li-ga-bu!*

Kaj li ekkomprenis, ke venis la horo de granda feliĉo. La horo, kiun la amato estis atendinta kiel rekompencon por la suferoj kaj sopiroj — la efektiviĝo kaj raviĝo.

Ŝi alvenis rapidante, lume kaj ĝoje, petola rideto ludis en ŝiaj okuloj, tamen ŝiaj membroj mallaŭte kaj kaŝite tremetis pro atendado.

— Venu, plejamato! — ŝiaj lipoj apenaŭ elflustris.

Kaj ŝi etendiĝis al li kun sia fortega nuda korpo, varme kaj pure. Ŝi premegis lin en siajn brakojn, penetris en liajn lipojn kaj li ŝin kisadis varmege kaj longe, ĝis ekmankis al li la spiro.

Malviva ŝtoniĝinta korpo kuŝis sur la lito. Sur la vizaĝo estis rigidiĝinta la raviteco, kaj la lipoj estis kuntiritaj, kiel pro longaj varmaj kisadoj en la majvesperoj, kiam la ĉerizoj floras blanke.

El la juda: *I. Jurysta*

---

# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ

(Daŭrigo — 7)

## IX. ĈAPITRO

### En la araĉonvilaĝo

Kiun ne interesas la araĉona vilaĝo, tiu ne legu ĉi tiun ĉapitron, kie estas priskribitaj kelkaj karakterizaj trajtoj de la nomada vivo.

Kie malgranda rivero fluas en la Alekmon, apud abunderiĉa paŝtejo ni trovis la araĉonan vilaĝon. Ne imagu ion grandiozan sub la nomo: vilaĝo. La tuta tielnomita vilaĝo konsistas nur el kvar tendoj. Betullignoj donis la skeleton kaj betulkrusto servis kiel kovrilo. Kiel blankaj konusoj staris unu tendo apud la alia. Ilia diametro estis ne pli longa ol 5—6 metroj, kaj en unu tendo loĝis 8—12



Goya: Maya en vesto — Madrid: Prado

personoj, farante unu familion. 4—5 familioj estis jam tribo. Ĉiu tribo loĝis aparte. Tian tribon ni trovis nun.

„Kiel ĉarmaj estas la tendoj!!"

„Sed kiamaniere ili loĝas dum la kvardekgrada vintro?"

„Ĉu vi jam trinkis cervlakton?"

Tiaj rimarkoj kaj demandoj estis aŭdeblaj dum nia alveno. Apud la vilaĝo estis la cervpaŝtejo. 300—400 cervoj kun cervidoj paŝtiĝis tie. Mirinde mildaj estis la cervoj, oni povis tuŝi, karesi, kapti ilin. Sed niaj ĉevaloj timis la grandkornulojn kaj ankaŭ poste ili ne volis amikiĝi al ili.

Kelkaj el ni eniris tendon.

— Sidiĝu kaj manĝu! — diris la plej maljuna araĉono kaj montris al ni seĝojn starantajn en la tendo. Ili gastigis nin bonkore, donis al ni cervviandon kaj poste cervlakton. Eŭropano malfacile komprenas, kiel oni povas vivi sen manĝo de pano. Ni jam vidis tion ĉe la japanoj, kiuj manĝas, anstataŭ pano, rizon kuiritan en akvo. Ankaŭ la araĉonoj havas panon ne el faruno, sed el cervkazeo. Post la manĝado, ni ankaŭ volis montri nian dankemon kaj donacis al ili cigaredojn. Eĉ la plej malgranda infano jam fumemis. Tion ni spertis, kiam post kelkaj horoj ili jam serĉis la cigaredojn en niaj poŝoj. Ni multe ludis kun la infanoj, ĉar jam de multaj jaroj ni ne estis en infana rondo.

La nokto zorgis pri nova aventuro. La cervaro venis foje tre proksimen al niaj ĉevaloj. La ektimintaj ĉevaloj deŝiris la ŝnurojn kaj diskuris. Dum la tuta nokto ni serĉis ilin kaj fantaziajn planojn ni faris por la retrovo. Ĉiu estis mobilizita. Parte surĉevale, parte piede ni iris en ĉiuj direktoj. La serĉado estis terure malfacila, ĉar la kuloj eĉ spiri ne lasis nin. Ni timis, ke la ĉevaloj renaĝis la transan bordon.

Je la tagiĝo ni alarmis ankaŭ la araĉonojn kaj promesis al ili riĉajn donacojn, se ili trovos la ĉevalojn. Sen ĉevaloj ni estis perdiĝintaj, do kun komprenebla korpremo ni atendis la rezulton de la serĉado. La araĉonoj ekiris de tiu punkto, kie la ĉevaloj estis katenitaj kaj ili sekvis la postesignojn. Kie ni nenion vidis sur la herbo aŭ en la marĉo, ili tuj ekkonis la postesignojn. Kaj post nelonge ili trovis la ĉevalojn. Riĉan donacon (2 funtojn da salo) ni donis al niaj savintoj. Du funtoj da salo estis vere princa donaco, ĉar salo tute mankis al ili. Ne nur la araĉonoj, ankaŭ la cervoj estis salmalsataj. Se iu nur etan saleron prenis sur la manplanon, tuj 50—60 cervoj amasiĝis por leki la salitan manon. Ili serĉis ĉie kaj ĉiam salon kaj komencis maĉi niajn dorsosakojn. Urinado estis danĝera pro la tumulta alkuro de la cervoj. Dum ni serĉis la perditajn ĉevalojn, la tempon uzis la cervoj por intensa serĉado. En iu tornistro trovis iu cervo ne salon, sed proksimume unu funton da sukero, kiun unu el ni kun granda sinreteno gardis kaj ne manĝis. La cervo estis konsternita, kiam ĝi, anstataŭ salo, trovis sukeron, sed kion fari? en sia granda ĉagreno manĝis ĝin. Oni ne povis re-



Goya: La nuda Maya — Madrid: Prado

teni la ridon, vidante la strangan vizaĝon de la ŝparemulo, kiu en unu nokto perdis, kion li monatlonge ŝparis kaj ne manĝis.

Niaj etimologoj kaj etnografoj havis nun bonan okazon studi popolon, kiu ekzistas kaj vivas — kiel oni diras en Eŭropo — „sen kulturo". Por pli bone kompreni iliajn kutimojn kaj morojn, ili komencis la lernadon de la araĉona lingvo. Ankaŭ mi entuziasme lernis kaj sufiĉe bone parolis, sed bedaŭrinde hodiaŭ mi jam ne scias araĉone. Mi rememoras nur, ke „aron" signifas „cervo" kaj „araĉon": „la popolo de la cervoj".

Pli trafan nomon vere oni ne povus doni al ili, ĉar ilia tuta vivo estas bazita sur la cervo. La cervo estas la feliĉo por ili. Ili rajdas la cervojn, manĝas ĝian viandon, trinkas nur cervolakton, la felon ili uzas kiel kostumon, el la intestoj ili faras fadenon. Krom la cervoj tre gravaj estas por ili la betularboj. La tendoj estas konstruitaj el betuloj, el la krusto ili faras ĉiuspecajn ilojn. El krusto ili kunstebas ankaŭ boatojn, kies malpezeco sole ebligas antaŭeniri sur la rivero riĉa je akvofaloj.

Kompreneble ĉe popolo nomada havas nenian valoron la mono. Nur interŝanĝado ekzistas. Laŭ la rakonto de la maljunulo pactempe ekzistis punktoj sur la riveroj, kien la komercistoj venis por ŝanĝi objektojn, sed depost 1915. neniu venis. Al nia karavano estis malpermesita la ŝanĝado, tamen kelkaj ne povis kontraŭstari al la tento: akiri ŝanĝe felon de zibelo, de kastoro aŭ la kornon de uro. La ŝanĝprezoj estis diversaj. Blanka vulpfelo kostis 50 cigaredojn. Ili proponis por duonfunto da salo 20 sciurojn. Por 20 patronoj ili donis cervon. Ni aĉetis por la societo tri cervojn. Jam delonge ni volis gustumi la cervviandon kaj ni decidis tuj buĉi cervon, por fari grandan festvesperon.

La maljuna araĉono montris la lertan, artifikan buĉmanieron. Preninte hakilon, ŝtelirante li alproksimiĝis kaj haltis malantaŭ la cervo. La cervo staris milde, per siaj senkulpaj okuloj ĝi rigardis nin kiel amikon kaj eĉ ne suspektis, ke ĝia vivo tuj finiĝos. La maljunulo per la malakra rando de la hakilo frapis tute malforte la kapon de la cervo. Verŝajne li trafis la oblongan cerbon, ĉar la cervo tuj falis kaj mortis. Kvazaŭ vulturoj la kadavron, tiel atakis parto de la ĉeestantoj la mortintan cervon. Ili suĉis la sangon kaj ne kuiris, sed tuj krude ekmanĝis la karnon. Mi neniam imagis, ke la homoj, se la sociaj katenoj iomete malligiĝas, tiagrade fariĝas bestaj. Sur la dispecigita cervo montris al ni la araĉono, kial la cervoj ne povas longe kuri dum la somero. La nazo de la mortinta cervo estis plena de parazitoj, tiuj malhelpas la spiradon. Dum vintro la parazitoj ne povas rezisti la malvarmon kaj pereas. Tial povas kuregi la cervo vintre. Ĝi faras tage po 100—120 verstoj. Ni vane petis, ke ili pruntedonu al ni cervojn ĝis la rivero *Vitim*, ili ne konsentis, ĉar laŭ ili la cervoj ne taŭgas somere por la longdaŭra vojaĝo. Nur la maljuna araĉono montriĝis ema veni kun ni kiel gvidanto, kiam ni promesis, ke ni donacos al li nian tendon.

Je la sekvinta tago, frumatene li vere estis preta gvidi nin. Li kunepreni nur tri faritajn el cervfelo pantoflojn.

— Ete sufiĉos sur la vojo — li diris araĉone. Li ekiris kaj la karavano sekvis la maljunulon.

## DEKA ĈAPITRO.

### En la praarbaro.

Se tio interesas la leganton, en tiu ĉi ĉapitro li povas legi ion pri la tiel nomata „praarbaro".

Ni devis, sub la araĉona gvidado, fari po 20 verstoj tage. Tio kostis 12 horojn de marŝo. Sed fakte nur malofte ni sukcesis fari tian vojon. Jam la ekiro komenciĝis kun prokrasto. Ĉiam okazis io, kio malhelpis nin kaj devigis ŝanĝi la tagan programon. Kiam matene estis aŭdebla la batalkrio: „Leviĝu!" la plimulto volis „nur per kelkaj minutoj" plilongigi la dormtempon kaj restis surtere ŝajnigante dormon.

La nokta gardanto preparis ĉiam la matenmanĝon. Hindaj fakiroj ne povas manĝi pli simple ol ni. La matenmanĝo konsistis el kuirita akvo kaj el kelkaj pecoj da biskvito. La kuiritan akvon ni nomis teo, ĉar kelkfoje okazis, ke ni metis en la akvon ankaŭ teherbon. Tion ni jam tute forgesis, ke la teon oni trinkas kelkloke kun sukero kaj rumo.

Granda ĝojo estis ĉiutage la ricevo de sekpano kies pezo ne estis pli ol 10—15 dekagramoj. Kun kia sopiro ni atendis ĉiumatene la momenton, kiam la disdonado de la porcioj komenciĝis! Ni ne kuraĝis tuj manĝi. Ni rigardis kaj pesis per la okuloj la diversajn pecojn. Ĉiajn artifikojn ni provis, por ke la pano daŭru pli longe.

Kelkaj nur suĉis la panon. Aliaj, maĉinte la panon, retenis ĝin en la buŝo kaj nur post minutoj ili glutis ĝin por plilongigi la ĝuadon de panmanĝo. La pandisdonado okazis ĉiam sub la plej granda kontrolo, en ĉeesto de fidinduloj. Tamen ankaŭ la fidindulojn ĉiam kontrolis la pli fidindaj okuloj de ĉiuj.

Post la matenmanĝo komenciĝis serioza laboro, ĉar la ekipo de l' ĉevaloj donis ĉiumatene grandan zorgon. La ŝarĝportilojn konstruis ni mem, tamen — aŭ ĝuste pro tio — ili ne estis perfektaj kaj ofte oni devis ilin plibonigi. Jen ŝiriĝis ŝnuro, jen vundiĝis la dorso de ĉevalo. Tiam la ŝarĝon de la malsana ĉevalo oni devis dividi inter la sanaj.

Inter la ĉevaloj kaj ĝiaj akompanantoj estiĝis vera amikeco. Tial dum tia nova sarĝdividado neniu volis akcepti la ŝarĝpligrandigon de sia ĉevalo. Krioj, protestoj, blasfemoj estis aŭdeblaj, se oni komencis fari novan aranĝadon.

— Ili volas pereigi mian cevalon, ĝi apenaŭ povas porti sian ŝarĝon kaj ili denove pakas sur ĝin sakon da biskvito! — murmuris kolere Kiss, unu el la ĉefĉevaldirektoroj.

— Mia ĉevalo estas nur osto kaj haŭto, ĉu vi havas koron, ke vi deziras, ke ĝi portu pli multe? — montris la ŝtelĉasisto al sia ĉevalo, kiu havis vere malĝojan mienon. Fine oni pakis ĉion sur la ĉevalon, kiun flegis la idealista advokato. Ambaŭ — la ĉevalo kaj la advokato — portis sian ŝarĝon kun senvorta rezigno.

Iom post iom la homoj dividiĝis en du apartajn sekciojn. Ekzistis unuaklasaj kaj duaklasaj homoj. Al la unua klaso apartenis tiuj, kiuj sciis la ĉevalflegadon, al la dua tiuj, kiuj — kiel ankaŭ mi — en sia junaĝo ne pasigis sufiĉan tempon en stalo kaj ne fariĝis ĉevalspecialistoj.

— Kompreneble, tion oni ne instruas en la universitato! — diris ironie Grandbuŝulo vidante nian mallertecon. Cetere li tre koleris al la inteligentuloj.

Post pli-malpli granda interbatalo de diversopiniantoj komenciĝis la marŝado. Senripoze kaj seninterrompe 4 horojn ni marŝis, se nenio intervenis. Iri monton estis lacige, la valoj estis marĉplenaj kaj malfacile estus diri kie estis pli malagrabla la marŝado: ĉu sur monto aŭ en valo. En valo ni devis salti de unu herbtufo ĝis la alia, se ni volis eviti ke la ŝuoj pleniĝu tuj per akvo.

— Domaĝe, ke mi ne naskiĝis ĉamido — sopiris iu kamparano, kiam li, post maltrafa salto, falis en akvon kaj povis nur malfacile elrampi.

Sed neniu povis eviti sian sorton. — Vane ni intencis resti sekaj. Post unu-du-hora marŝado ĉiam ankoraŭ venis lageto post lageto, rivereto post rivereto. Se en kelkaj lokoj ni ne sukcesis improvizi transirilon per faligitaj praarboj, ne demetinte ŝuojn kaj pantalonon ni eniris la akvon kaj malsekiĝinte ĝis la kolo ni daŭrigis la vojon.

La montoj estis 1000—1200 metrojn altaj. La ĉirkaŭaĵo videbla de la montsupraĵoj estis kelkfoje vere majesta kaj eĉ en kinematografejo oni ne povas vidi pli belajn. Sed ni ne havis humoron por ĝui la belaĵojn de l' naturo. Kun malplena stomako oni ne estas estetikisto. Lace ni trenis nian korpon, ĉiam rigardante ĉu ni ne atingis jam la akvo-disiĝejon, ĉar se la akvo komencas flui en kontraŭan direkton, tio montras, ke ni jam transpaŝis la plej supran punkton de la montaro.

Dum la marŝado ni trinkis la freŝan akvon de la rivero, 4—5 litrojn antaŭtagmeze, kaj ŝvitante ni kuŝiĝis sur la herblito dum la tagmeza ripozo. Niaj kuiristoj estis *Sepi* kaj *Dolfi* kiuj siatempe ricevis tiun altan oficon kiel privilegion. Sed tiu ofico nun signifis por ili nur malavantaĝon, ĉar krom marŝado ili devis ankaŭ kuiri. Tial ili proponis labordividon tiamaniere, ke ili havu nur la direktadon, la simplan laboron havu aliaj.

La tagmanĝo estis tre simpla, ĝi konsistis el kaĉo aŭ el rizo. La diversecon de la menuo ni tiel akiris, ke se por tagmanĝo estis teo, por vespermanĝo ni kuiris rizon; kaj inverse: se por tagmanĝo estis rizo, restis la kaĉo por vespermanĝo. Ni kuiris kun akvo, ĉar grason kaj oleon ni ne havis. Sed nia apetito estis vere bona, ni lekis la telerojn puraj.

La vesperan ripozejon ni elektis kun granda zorgemo. Avenon ni jam de longe ne havis kaj sen abunda paŝtejo niaj malfortaj ĉevaloj ne estus povintaj porti la ŝarĝon.

La manko de herbo, akvo kaj seka ligno devigis nin kelkfoje marŝi plue, malgraŭ, ke ni jam sopiris la ripozon; alifoje abunda paŝtejo haltigis nin jam fruan posttagmezon.

Novajn impresojn — krom la naturo — donis al ni nia gvidanto, la maljuna araĉono. Li estis vere inteligentulo. Kiel lerte li gvidis nin inter la densaj arboj, riveroj, montoj! Vespere, kiam ni metis grandajn ŝtiparojn por defendi nin kontraŭ la malvarmo (dum nokto estis jam malvarme) kaj kontraŭ la kuloj, kelkfoje ni interparolis en interesa miksaĵlingvo.

— Post kelkaj semajnoj estos jam vintro — rimarkis iu, kiu frostetis.

— Vere, sed ni araĉonoj amas la vintron. La somero estas malĝoja kaj malbela. Nenio kreskas krom herbo. La kuloj ne lasas trankvilon. La dumtaga varmego malvigligas la homon. Ni amas la vintron — la puran, freŝan aeron, la ĉassezonon — diris la maljunulo fiere.

— Sed kiel vi povas vivi vintre en tendoj? — demandis ni.

— Ĉu vi vidas niajn karajn bestojn, la nordcervojn? La felo de la cervo defendas nin kontraŭ la vintro. La cervoflegado postulas multan prizorgon, sed donas grandan utilon.

— Ĉu vi estas kontenta je via vivo? — kelkfoje ni demandis.

— Kial ne? La araĉona gento estas la plej nobla en la tuta mondo. Oni ne povas ilin kompari al aliaj gentoj, ekzemple al la jakutoj aŭ burjatoj. Ĉe ni ne ekzistas malhonestaj homoj. Niaj magazenoj plenaj de sekviando, nia ilaro, niaj feloj estas libere, sen ŝlosiloj en la praarbaro, sur la arboj, en du-tri-metra alto . . . Neniu ŝtelas, kaj neniu estas punata.

— Sed se tamen iu farus ion kontraŭ la kutimoj?

— Ni ligas liajn manojn kaj li ne ricevas manĝaĵon dum kelkaj tagoj aŭ semajnoj. Sed tio malofte okazas.

10 tagojn ni estis jam kune, kiam la maljunulo diris, ke li devas nin adiaŭi ĉar plue li jam ne konas la vojon. Laŭ diroj li scias ke post 3—4 taga marŝado ni venos al la rivero, kiun ni intencas atingi. Li deziris ĉion bonan kaj forlasis nin, nia lasta amiko. Nia lasta homa ligilo kun la mondo ŝiriĝis.

„Antaŭen per kompaso!" estis la devizo. Ni multfoje rigardis ĝin ankaŭ ĝis nun, sed de tiu minuto ĝi fariĝis nia plej bona amiko. Ni iris rekte okcidenten. La naturaj malhelpoj multfoje haltigis nin. Niaj ĉevaloj estis senfortaj kal kelkfoje 5—6 homoj devis helpi al ĉevalo por ebligi al ĝi la antaŭiron.

Krom la malhelpoj de la naturo malhelpis nin ankaŭ la moralaj difektoj, kiuj montriĝis ĉiam pli kaj pli. Eksplodis konfliktoj, kelkfoje preskaŭ fluis sango. Malpacienco faris la homojn nervozaj, malpacemaj. Sed en ĉi tiu peza atmosfero tamen ĉiu streĉis la fortojn kun malespera volo. Kun ŝvitanta korpo, ŝvelintaj vejnoj, kunpremitaj lipoj, grincantaj dentoj ni iris, antaŭen. La puŝon de la streĉita volo ni kvazaŭ sentis en nia dorso.

Kaj ĉi tiu volo venkis ĉion.

Post kvar tagoj brilis antaŭ niaj okuloj la plej kara rivero, la sopirita *Vitim*.

## XI. ĈAPITRO

## Sur la Vitim

La aventuran vojon ĝis nun ni faris sur la tero, tie ĉi ni daŭrigos ĝin sur rivero. Post multaj malfacilaĵoj fine ni alvenas en la landon de la oro.

Laŭ la originala programo post la atingo de la rivero ĉiuj malagrablaĵoj devis finiĝi. Ĉu ekzistas io pli simpla ol konstrui flosojn kaj portigi nin per ili ĝis loĝata regiono? Sed en la realo, kiel tiom da fojoj, ankaŭ nun montriĝis, ke fari planojn kaj efektivigi ilin estas tute aliaj aferoj.

Per scivolaj okuloj ni rigardis la ŝajne trankvilan riveron. Kia forto en la eterne fluantaj ondoj! Ĉu ne mirinde, ke konstante venas, venas novaj akvamasoj, kaj iras for. Kian sorton ili portos por ni?

Montriĝis, ke la floskonstruado ankaŭ ne estas infanludo. Trovi taŭgajn lignospecojn estis tre malfacile. Sed pli granda malfeliĉo estis nia malkonsento kaj malamikeco. Ni ne havis gvidanton, kies vorto estus estinta ordono. La diverseco de socia stato nur pliprofundigis la malkonkordon. La antipatio inter inteligentuloj kaj malinteligentuloj fariĝis ĉiam pli granda. Ju pli ni proksimiĝis al nia celo, des pli oni povis aŭdi voĉojn, ke en Sovjetlando la inteligentuloj havas nenian rajton kaj ĉion gvidas nur la fizikaj laboristoj.

La konstante plimalboniĝanta nutraĵo ankaŭ malbone influis la animojn.

Grandan bruon kaj disputon kaŭzis la elekto de la flosformo. Ĝis nun ĉiu estis specialisto pri floskonstruado. Sed alveninte al la rivero, nur unu kozako havis detalan planon. Laŭ lia kalkulo ni devis konstrui sep flosojn: kvar grandajn kaj tri malgrandajn. Ni intencis kunporti ok ĉevalojn. La ceterajn ni volis manĝi. La nutraĵo estis malbona. La espero variigi la menuojn per ĉasado kaj fiŝkaptado ne efektiviĝis. Niaj famaj ĉasistoj, reveninte senrezulte, ĉiam havis pretekston pri la malsukceso

— Mi ne havis feliĉon hodiaŭ!

— Mi vidis postsignojn de uro, sed ni ne kuraĝis iri pli malproksimen, ĉar ni timis, ke ni ne povos reveni.

— Fiŝoj ne estas kapteblaj en malklara akvo!

Se la akvo estis pura:

— En tiel pura akvo la fiŝoj ne montriĝas.

Ne restis alia, ol manĝi la ĉevalojn. Sed kies ĉevalon? Komenciĝis la disputado. Kelkaj jam rigardis la ĉevalon kiel sian propraĵon kaj ili ne volis oferi ĝin por la komuna celo. Fine la plej malbonaj estis kondamnitaj je buĉado. Vespere ni jam manĝis ĉevalviandon kun rizo. Estas fakto, ke la vespermanĝo tre bone gustis al ni; ĉu ni estis tre malsataj, aŭ la ĉevalviando estis bona?

Postan tagon, matene ni serĉis konvenan lokon kaj taŭgajn arbojn por floskonstruado. En la proksimo estis nek arbo, nek loko. Nur je duversta malproksimo estis sufiĉe da sekaj arboj. Nun montriĝis, kiel supraĵaj estas niaj konoj kaj kiel malbona estas ĝenerale la observkapablo de la homoj.

Pri aĵoj, kiujn ni milfoje vidas potage — se oni demandus ilian detalan priskribon —, montriĝus, ke ni ne konas ĝin. Por kunigo de flostraboj neniu sciis, kiamaniere ligi la trabojn. Kiam la kozako proponis fari tion per salikplektaĵoj, multaj kontraŭdiris:

— Ĉu vi opinas, ke mi riskos mian vivon per viaj malfortaj plektaĵoj? — kriis Grandbuŝulo.

— Mi neniam vidis en mia vivo tiel ligi. Ni devus ligi per kructraboj aŭ per lignaj najloj — aldonis la estinta lakeo. La kozako asertis, ke nur per lia metodo oni povas atingi bonan kaj certan rezultaton, sed vane Du grupoj po tri homoj apartiĝis kaj tiel ili komencis labori. Nur kiam ili vidis, ke ilia laboro ne progresas, ili komencis kune labori.

Jam estis pretaj la flosskeletoj kaj nur la remiloj mankis, kiam sole al la hazardo ni povis danki, ke ne perdiĝis ĉio.

Ni eltiris la flosojn ĝis la bordo kaj fiksis

ilin per ŝtonoj. Dumnokte la akvo de la rivero plimultiĝis kaj la ŝvelinta rivero kunportis la duonpretajn flosojn En tiu ĉi vo priskribo multfoje estis citata la idealista ad kato. Li estis homo, kiu vivis tre intensan animan vivon, sed estis tre mallerta en ordinaraj aferoj, pro kio li estis senĉesa celtabulo de mokoj.

Mateno krepuskis, kiam li, profundiĝinte en siaj pensoj, tute hazarde rimarkis en la matena nebulo la naĝantajn flosojn

— La akvo portas niajn flosojn — kriis li fortege kaj en la sekvinta momento li jam kuregis en la glacie malvarman akvon por reteni la flosojn, ne atentante, ke la akraj ŝtonetoj vundas liajn piedojn. La alarmsignalo vekis ankaŭ nin kaj post momentoj — duondorme — ni jam estis en la akvo. Sep flosojn ni sukcesis reteni, la oka naĝis plu kaj nur la idealisto kuraĝis peni kaj lukti por ĝi. Terura batalo komenciĝis inter homo kaj akvo. *Victor Hugo* skribis en sia romano pri la matrozo, kiu sur ŝipo, dum uragano, ligis la liberiĝintan kanonon.

Tie kaj tie ĉi venkis la homa forto.

Honorordenon ni ne povis al li doni, nur senvorte ni admiris lian heroaĵon.

Febre ni komencis pretigi la remilojn. La nutraĵoj tagon post tago plimalmultiĝis. Ĉevalviandon ni multe manĝis, ĉefe rostitan, sed sen salo ĝi gustis tre malbone. Tamen ni buĉis denove ĉevalojn, ĉar sur niaj flosoj nur ok ĉevaloj havis lokon.

Laŭ nia scio ĉe la malsupra fluo de la rivero jam loĝas homoj. Tiun lokon sane atingi estis nia celo. La troŝarĝado iom prenis la flosojn sub la akvon kaj kun malcerta sento ni prenis en la manojn la dikajn remilojn. La flosveturado ne daŭris ankoraŭ pli longe ol unu horon, kiam muĝanta bruo atentigis nin. Ĉiam pli forta fariĝis la bruego.

Kio povas kaŭzi tiun bruon? Ĉu monta rivero? Ĉu akvofalo? Je tiu penso frostotremo trakuris nian korpon. La flosoj plirapidiĝis, la montoj fariĝis pli grandaj kaj la rivero pli malvasta. Ĉe kurbiĝo la kunpremitaj akvoamasoj faris la teruran bruon kaj duonmetrajn ondojn. La ĉevaloj sur la flosoj tremante staris sur siaj lokoj, ni kun superhoma fortostreĉo laboris per la remiloj por eviti la rifrokojn. Malgraŭ la fortostreĉo du kunligitaj flosoj ĵetiĝis al ŝtonego kaj la plektaĵo disŝiriĝis. La floso rompiĝis en du partojn. Kompreneble, la homoj kaj ĉevaloj teruriĝis. Dum la homoj konvulsie kroĉiĝis al la traboj, la ĉevaloj saltis en la akvon kaj naĝis sur la bordon. Minutlonge daŭris tiu danĝera situacio. Per la helpo de la ceteraj flosoj fine ni sukcesis albordigi ĉiujn flosojn. Nur kelkaj objektoj perdiĝis. Tiu epizodo esence ŝanĝis la ĝeneralan opinion. Ĝis nun ĉiu postulis kunporti la ĉevalojn, sed nun la plimulto diris, ke nur la ĉevaloj kaŭzis la tutan malfeliĉon kaj ni lasu la ĉevalojn en la praarbaro. Ni decidis lasi kvin ĉevalojn liberaj sur la bordo kaj nur tri kunporti. Kvar personoj el ni ne konsentis pri la decido kaj ili restis kun la ĉevaloj en la praarbaro. Ili repostulis la nutraĵprovizon kaj perĉevale

## LATVA POPOLKANTO

TRADUKIS: E. JAUNVALKS

Lento

1. Ki - uj kan-tas en kre-pus-ko Post la su - no
2. I - li kan-tas fru-ma- te ne kaj sen su - no
3. Ĉir- kaŭ faj-ro i - li si- das ĉar mojn plo- re
4. I - li paŝ-tas ĉe-va-le-tojn sur mar- ĉa - ro

1. en ves-per. I- li es-tas orf- in- fa noj
2. en vesper. Ko-ro ve- as mal- es - pe - re
3. vi - ŝas for. Man-ĝas pa-non mal-mo - le - gan,
4. en ar- bar. Car- mojn si-ajn mal-dol - ĉe- gajn

1. La- ci- gi- taj de l' ser- vut'
2. En o- ku-loj bri-las larm'
3. Ĝin trem-pan-te en fon-tet'
4. Pe- las for per kan- ta son'

intencis fari la vojon. Vane ni provis aliigi ilian decidon, ili restis, kaj ni daŭrigis la vojon sen ili kaj sen la kvin ĉevaloj.

Multajn danĝerojn ni travivis dum la sekvintaj tagoj, jen remilo rompiĝis, jen la floso venis sur sablaĵon kaj eĉ per ĉevaloj ni ne sukcesis puŝi ĝin sur la akvon. Nia konstanta timo estis la akvofalo. Ĉe ĉiu malproksima kaj ĉiam pliproksimiĝanta bruego malvarma ŝvito kovris nin. Estis terura ĉi tiu freneza galopo sur la torente rapida, nekonata riverego, muĝanta inter altaj rokoj, faranta subitajn kurbojn, minacante post ĉiu kurbo per io neatendebla. Kiam ni falos en ŝaŭmantan profundon, frakasiĝante sur la akraj rokoj? Por karakterizi nian staton, mi nur mencias, ke malgraŭ, ke ni vivis kaj vojaĝis sur rivero jam depost semajno, ni ne lavis nin. Poste la rivero plilarĝiĝis, la flosoj kviete naĝis, la suno brilis sur la ondoj. Kaj sur la bordo ni ekvidis la signojn de homa kulturo.

Fine, homoj! La unuaj, kiujn ni trovis, aboris en orminejo. Ili emociite rigardis la flosojn, kiuj alportis homojn nekonatajn. Ilia havaĵo konsistis el laktproduktaĵoj kaj oro. Por interŝanĝado tie ĉi estis vere bona okazo. Eĉ por alumetskatolo ili donis kelkajn gramojn da oro. Ni ripozis kelkajn tagojn kaj poste, jam en homloĝataj regionoj, ni daŭrigis nian vojon.

*

La robinzonado finiĝis. Bedaŭrinde mi ne havis en la praarbaro tiel bonan kunulon, kiel Robinzon sian Vendredon. Miaj helpantoj estis: nerompebla volo hejmeniri kaj tiu bona, kara facilanimeco, kiun la vaga vivo donas al la sana homo. Ĝemi kaj blasfemi, se malheliĝas la sorto, sed ridi plenbuŝe, se ĝi sereniĝas. Kaj ne zorgi pri tio, kio estos morgaŭ.

Kaj nun, hejme, trapensinte ĉion, la multan suferon kaj malmultan ĝojon, mi vidas, ke ĉio fariĝis memoro, la sufero same, kiel la ĝojo. Kaj — strange, sed feliĉe — ĉia memoro ĉiam estas bela. *(Fino)*

*(Premiita dum la IX. Floraj Ludoj en Manresa.)*

## EN AGHADOE

MALGAJA IRLANDA KANTO

En Aghadoe[1], en Aghadoe, aleo estas sorĉa.
En Aghadoe, en ĉi ale', silento regas dolĉa,
Mi foje kune kun karul' aleon tiun venis,
En Aghadoe, en ĉi ale', nin Venus-stelo benis.

En Aghadoe, en Aghadoe ekzistas valo eta,
En Aghadoe ekzistas ĝi — profunda kaj sekreta . . .
Amaton tien kaŝis mi de ruĝvestul-spiono,
Dum regis plor' en Aghadoe-parenca regiono.

Sed malamikoj sekvis min — mi tion, ja, ne vidis —
Kaj altan prezon por kaptaj' antaŭe jam dividis.
Manĝaĵon porti por karul' mi tra arbaro provis,
Sed kugl' spiona trafis lin — kaj koron lian trovis.

De Aghadoe ĝis Mallow-urb[2] piedpaŝis mi sopire.
Sed kapon karan portis mi el krimulej' reire . . .
Mi kovris ĝin per ŝtonamas' kaj verda la filiko.
Kaj dormas, kvazaŭ Irlanda Reĝ', en Aghadoe l' amiko.

Laŭ la traduko de E. L. O. versigis

*Vadim Obrazcov, Kazan.*

[1] elp. Agado kun akcento sur lasta silabo.
[2] elp. Malo. (Urbo apud Cork.)

## ENIGMOJ POR NIAJ INFANOJ

ORIGINALO DE PETRO STOJAN

1. Du bazoj — kvar nazoj.
2. Ne bojas, ne rigardas, hundeto pordon gardas.
3. Flugilojn ĝi movas, sed flugi ne povas.
4. Blanka arbo kun la karbo.
5. Blua tegmento sen la ĉarpento.
6. Mi estas korna — sed ne bovo, mi havas ŝelon — sed ne ovo.
7. Sen fenestroj, sen pordegoj, loĝas dome mil kolegoj.
8. Fera barbo, korp' el arbo.
9. Nigron glutas — ruĝan sputas.
10. Belvesta fianĉo flirtas sur branĉo.
11. Nazo fina, vosto lina.
12. Belkolora ponto super horizonto.
13. Kiu ŝatas laŭbon kaj portas ŝraŭbon?
14. Blanka erinaco kuras al la ŝmaco.
15. Ĉirkaŭ najlo — la du ringoj kun du klingoj.
16. Muŝoj blankaj — varmoj mankaj.
17. Vespere dika leviĝas, matene maldika vekiĝas.
18. Gutas lakto sen selakto, el bovino sen la spino.
19. Ruĝa ŝovelilo ema al babilo.
20. Blanka kiel luno la maldolĉa faruno.

1. Kuseno — 2. Seruro — 3. Venta muelejo — 4. Kandelo — 5. Ĉielo — 6. Heliko — 7. Melono 8. Hakilo — 9. Pafilo — 10. Flago — 11. Kudrilo kun fadeno — 12. Ĉielarko — 13. Heliko — 14. Dentobroso — 15. Tondilo — 16. Neĝo — 17. Luno — 18. Pluvo — 19. Lango — 20. Salo

## ARTO KAJ ARTISTOJ

FRANCISCO DE GOYA (1776—1828). Li naskiĝis en malgranda vilaĝo de Aragonio, en malriĉa kamparana familio. Pri lia infanaĝo ni nenion scias, lia junaĝo estis plena de luktoj kaj aventuroj.

En sia deksesa jaro li studis en *Zaragoza,* kie li poste fariĝis heroo de multaj sangaj strataj skandaloj. De tie li rifuĝis al *Madrid,* kie li estis disĉiplo de *Francisco Bayeu y Subias* (1734—1795). Post sanga am-aventuro li devis rifuĝi ankaŭ de tie ĉi, kun toreadoroj li vagadis tra Hispanio, poste li ŝipveturis en Italion.

Post aŭdacegaj aventuroj, en 1771 li revenis al *Zaragoza,* kie li surpentris unu el la arkaĵoj de l' *„Virgen del Pilar"*, poste en 1772 li faris la freskojn de la monaĥejo *„Cartuja Aula Dei"*, laŭ la tradicio de la italaj virtuozoj de l' XVIII-a centjaro, sed sen ia profunda religia sento. Ĉi tiuj liaj verkoj ankoraŭ montras pri mano de komencanto, sed en ili jam ekbrilas la fajrero de l' talento.

En 1775 li loksidiĝis en *Madrid* kaj edziniĝis la fratinon de sia iama majstro *Bayeu.* Lia tiam pentrita bildo „La sankta familio" montras lin adepto de l' klasikismo, kaj per tio li gajnis la plaĉon de *Raphale Mengs,* fondinto de l' novklasikismo, kortega pentristo de Karlo III. Laŭ ties propono oni komisias lin en 1776 pri projektado de murtapiŝoj. Sur ĉi tiuj tapiŝprojektoj li plu evoluigis tiujn tradiciojn, per kiuj Watteau (1684—1721) donis la regantan karakteron de la arto de l' XVIII-a centjaro, kaj li plenigis ilin per la ĉarmaj paŝtistfiguroj de la rokoko.

Liaj projektoj ĉiam pli kaj pli plaĉis, kaj faris lin serĉata pentristo, la kortego kaj la aristrokataro lin superverŝis per mendoj. Tiutempe li komencis eksperimenti pri la kuprokaŭterizo.

En 1780 ni trovas lin ree en *Zaragoza,* kie, laŭ la rekomendo de *Bayeu,* oni komisias lin pri pentro de novaj freskoj por la *Virgen del Pilar.* En liaj projektoj *Bayeu* trovis erarojn, kies sekvo estis jarojn daŭranta kolero. *Goya,* vundite en sia artista memfido, reiris al Madrid, kie dum semajnoj li vagadis sen emo al laboro. Reĝa komisio rekonsciigis lin, sed nur por mallonga tempo, oni konfidis al li pripentri unu el la altarbildoj de la preĝejo, *„S. Francisco el Grande"*. Sed lia kverelo kun lia bofrato kaj la subita morto de lia patro profunde ekskuis lian animon, tiel, ke la bildo — „La prediko de sankta Bernardin" — pretiĝis nur post tri jaroj.

Ĉi tiun sukceson sekvis brilaj jaroj, mendoj de altarbildoj kaj portretoj unu post la alia. En 1778 li pentris „Kiso de Judas" por la katedralo de *Toledo,* liaj tapiŝprojektoj famigis lian nomon; Karlo IV-a, la filo de Karlo III-a, prenis lin en sian favoron, superverŝis lin per mendoj. Sed tiu ĉi brila periodo ne daŭris longe.

La 1791-a jaro portis gravan ŝanĝon en lian vivon kaj arton, li malsaniĝis kaj tute perdis sian aŭdpovon. Trijaraj malsano kaj suferoj, akompataj de peza nervmalsano tute transformis lian animon; kaj lian arton ili profundigis. *Goya,* vivinta ĝis nun en luksaj societoj, fariĝis enfermiĝema, meditema surdulo. La roza vualo falis de liaj okuloj, por ke li vidu la alian flankon de la vivo, la homajn malicaĵojn kaj abomenaĵojn. En la febraj minutoj de siaj suferoj li popolumis la solecon de sia hejmo per la fantomaj figuroj de sia freneza, timiga fantazio, kiuj svarmis ĉirkaŭ lia malsanlito kaj festis orgiojn abomenajn. Siajn fantastajn viziojn li desegnis sur papero, poste kaŭterizis ilin en kupro, kreante la serion *„Los Caprichos"*. En partoj de ĉi tiuj folioj kun tranĉa moko li figuris la absurdaĵojn de l' ĉiutaga vivo, sur la ceteraj folioj marŝas la figuroj de sia frostotremiga fantazio: pendigitoj, murdistoj kaj sorĉistinoj. Ankaŭ liaj tiutempaj pentraĵoj estas teruraj kaj animskuaj vizioj de cerbo staranta sur rando de frenezo. Tiaj estas: „La domo de l' frenezuloj", „La kunsido de l' Inkvizicio."

Iom post iom lia sanstato pliboniĝis, lia arto fariĝis pli kvieta; sed li ne plu estis la antaŭa *Goya,* la facilan spriton de l' rokoko ŝanĝis la profundiĝo de l' sentoj.

En 1798, laŭ reĝa komisio, li pentris la freskojn de

*„S. Antonio de la Florida"*. Tiun sekvis tuta serio da majstroverkoj, inter ili: „Du Maya sur la balkono", „Maya en vesto", „Maya nuda". Sur la du lastaj bildoj — en kontraŭo al la frivoleta percepto de l' XVIII-a jarcento — donis Goya tute novan esprimformon de erotiko. El la okuloj de tiuj du Maya radias la erotiko kiel potenca praforto ferminta en si la tutan mondon, kiel mistika, neniam estingebla sankta fajro de homaj sopiroj, en kies febro mondoj pereas kaj naskiĝas novaj mondoj. La tremado de ĉi tiu pasia febro ŝajnas kvazaŭ vibre barakti sur la korpoj de la du Maya.

La teruraĵoj de la hispana-franca milito en 1808. postlasis profundajn postsignojn en la arto de Goya. Li denove prenis en la manon la kaŭterizilon, por pentri sian: *„Desastres de la Guerra"*, okdekpaĝan serion pri la militaj terurajoj. Sur ĉi tiuj paĝoj la sovaĝa flugo de lia fantazio kun neniam superita forto prezentas antaŭ niajn okulojn la terurajn realaĵojn. Liaj timigaj vizioj penetras en la plej nigrajn profundojn de la sovaĝiĝinta hombesto kun la blindiga lumo de l' fulmo, prezentante admirindajn respegulaĵojn pri la monddoloro de sentem-anima artisto; ili estas la plej animskuaj protestoj de l' arto kontraŭ la milito.

Tiutempe li surpentris la murojn de sia domo, kiun la popolo nomis „la vilao de l' surdulo". La teruranta efiko de liaj vizioj ĉi tie atingis sian kulminacion, kiun ankoraŭ kompletigas la malhela senkonsoleco de la nigra kaj griza koloroj.

Nun ĉiam pli pasie li donas sin al la grafiko. En 1815 li kreis la kvardektrifolian serion de *„Tauromaquia"*, kiu, figurante la historion de l' taŭroluktoj, estas ĉerpita el liaj junaĝaj rememoroj. Kun ĉi tiuj folioj portis Goya en la arton la problemon pri la figurado de l' momenta movo; fiksante tiel por unu centjaro la novan direkton de l' pentrarto, li metis la fundamenton de l' impresionismo.

Sed la esprimadon de l' movo li portis ankaŭ en la staton de l' trankvilo, ĉe li la trankvilo estas sole momenta transiro el unu movstato en la alian, stato transira, deveninta el movo kaj revenonta en movon. Pri la figurado de ĉi tiu transira stato estas grandiozaj ekzemploj la du bildoj de la Budapeŝta „Muzeo de Belaj Artoj": la „Akrigisto" kaj la „Knabino kun kruĉo".

Baldaŭ pretiĝis ankaŭ lia alia serio, nomata *„Proverbios"*, en kiu liaj malnovaj motivoj aperas en sovaĝa kaj pasia prezentmaniero.

En 1818 li eksperimentis pri nova grafika inventaĵo, la litografio, kies li fariĝis unuaranga majstro. Liaj plej eminentaj litografaĵoj estas la „Duelo" kaj la „Dancistino".

Denove grave li malsaniĝis kaj akiris sesmonatan libertempon, kies parton li pasigis en Parizo kaj en *Bordeaux*. Tie, en la okdekjara artisto, ankoraŭ unufoje ekflagris la fajro de l' kreo kaj li kreis la kvarfolian litografserion pri taŭrolukto, nomatan *„Toros de Bordeos"*, per kiu li inde finis siajn grafikajn laborojn.

Inter diligenta laboro li atendis la venon de sia sola, longe nevidata filo, ĉe kies alveno, pro la ĝojo, lin trafis apopleksio kaj je la 16-a de aprilo 1828, en sia 82-a jaro, li fermis siajn okulojn por eterne.

Goya kreis novan epokon en la arto de l' XVIII-a centjaro. Per la figurado de l' grandaj afekcioj kaj potencaj homaj pasioj li akiris neelĉerpeblan, ĝis tiam nekonatan fonton por la arto.

Per la rapida, en la trema febro de l' kreo fiksanta, skiza kaj drame viva prezentmaniero kaj per la esprimado de momentaj movpozicioj li metis la fundamenton de la nova arta direkto de l' XIX-a centjaro: de l' impresionismo.

*Paulo Varsányi*

---

# MONDLITERATURA OBSERVO

JUNA ĈEĤA LIRIKO. En sia libro, titolita „Anarkio en la plej juna ĉeĥa poezio" (1922), *Fr. Götz*, tre informita kaj delikata juna estetikisto kaj klariganto de la juna ĉeĥa literaturo, jene difinas la animon: „La animo estas amo, graco de ofero, forto de memkonscio". La plej juna ĉeĥa liriko estas konsekvenco de ĉi tiuj postulataj animkvalitoj. El la ĥaoso, rezultinta per la terura fakto de la mondmilito kaj per la miriga fakto de la ŝtata memstareco, sekvis kelkaj ideoj, kiuj estas komunaj preskaŭ al la tuta plej juna poeta generacio. Ili estas: vitalisma kredo je la homo kiel je aganto samtempe materia kaj spirita; kredo je la senlimaj ebloj de la homaj intelektoj kaj koro; mistika sento pri universala ordo reganta la korpojn kaj spiritojn de la universo; naiva, kvazaŭ infana ĝojo pri ĉiuj mirindaj aperaĵoj de la ekstera kaj interna mondoj; abomeno pri la nuntempaj sociaj aranĝoj, kaj brava fido, ke oni plibonigos ilin, ankaŭ kun la „mia" helpo. Kolektivismo estas do la plej profunda tono, kiu zumas sub la diversaj melodioj kun diversa intenseco. Du el la maljunaj lirikistoj, nuntempe jam transirintaj la zeniton de sia vir-aĝo, *Antonín Sova* (1864) kaj *K. S. Neuman* (1875), fariĝis modeloj por la aktuala lirikista generacio. Antonin Sova scias en siaj „Poemoj de altruista koro", aperintaj en 1922, sugestplene prononci la amon devige ŝuldatan al la laboranta homo, ĉar li estas bonfaranto de l' homaro, donacante al ĉiu almenaŭ peceton da civiliza komforto. Jen kiel li apostrofas la uzinan laboron:

Laboro estas preĝo de la manoj.
Tial uzino, ĉe fino de urbo,
Devus grandega esti preĝejo,
Kies sireno vokas
Al ceremonio kamarada
Siajn bonajn, elektitajn homojn,
Laborantojn kaj laborantinojn.

Tiuj bonaj homoj suferas pro la maljusta ordo socia, sed, kvankam la poeto ofte sentas, ke la „mizera monereto de sociaj reformoj ne povas ŝanĝi la nuntempan regadon de perfortuloj kaj ruzuloj, tamen li atendas en mistika streĉo la racian pliboniĝon de la aferoj.

Superstiĉe firma estas kredo mia,
Ke en mond' objekta kantas Io Dia.

Tial:

Mi ne volas malesperon,
Nek de ĉio, kio estis, reiron,
Nek esti katenito,
Kontraŭ kaj sen kiu kreas faron la jaroj.

Kio ĉe Sova fluas el intelekta medito pri rilatoj de animaj fenomenoj, tio ĉe Neuman deriviĝas en la senpera ĝuo kaj ensorbo de la kruda materialo de l' naturo kaj civilizo. Arbaroj, akvoj, montdeklivoj entuziasmigas lian trosenteman koron, same intense, kiel telegrafaj fadenoj kaj monstraj modernaj maŝinegoj. Ĉar per ĉio ĉi evidentiĝas la Vivo, kies leĝoj, precipe kaj plej grave, havas en si ĉarmon.

Neuman estas ĉefe poeto de vitalismo, kiu scias, ke ekkoni la mondon estas: enigi en ĝian ĥaoson la leĝojn de l' homa sento.

„. . . fluas la vivo; arbo kaj mi kaj la mondo
kaj ĉiu momento estonta,
la sama estas kaj tamen alia."

La pliintensigo de l' vivo estas la plej grava celo, tial ĉio, kio baras la disvolviĝon de la vivo, estas malaminda kaj devas esti forigita per ĉiuj eblaj rimedoj. El tio sekvas lia socia reformismo, kies kuraĝa protagonisto li estis dum sia tuta vivo. Eĉ, kiam ni antaŭ dudek jaroj fondadis en Praha Esperantistan klubon, li estis membro de la unua estraro. Nun li estas ĉefo de la „proletkulto".

El la junaj poetoj plej proksima estas al la Neumana vitalismo *Miroslav Rutte:*

Sub karna volbo
Koro mia gajas:
Mi rigardas, miras: estas.

Sed liaj sentiloj estas multe pli akrigitaj kaj instruitaj per la intelekto, tial estas lia animo tro saĝa por submeti sin senpere al la atako de la monda ĥaoso. Ĝi faras tion sole pro raciaj argumentoj. Tial lia vitalisma optimismo neniam povas esti tute pura.

Pli bone sukcesas tion *J. Hora,* humila kredanto je dio manifestanta sin en homaj agoj:

Simplaj, nudaj, sen ruzo
estas ni de liro dia,
substanco, lumo, formo, vibro
ho, nin sonorigu!

Sed ĉi tiun idealon ofte kontrastas ĉe li tendencema agito por la bezonoj de l' hodiaŭo, kiun li trovas efektiviginda sen rilato al sia sonĝa imagaro.

Unuecon de la animo kaj korpo, de la ĉielo kaj tero, unukvalitecon de la Universo, samsubstantecon de la objektoj scias eldiri Jiri Wolker:

Mondo estas — irejo tra ĉielo,
Ĉielo — granda kampo kun la floroj supre kaj malsupre,
Ĝin sen limoj esti oni pensus.

Pli simplaj sensualistoj estas: la ĝoje perceptanta *Led. Vladika* kaj la lirikisto de la unua impreso: *Miloš Jirek. J. Horojši* havas varme socieman koron, por kiu estas granda sufero, ke ĝi ne trovas kunulon same senteman. Eĉ dum promeno, kiam ĉiuj impresoj de l' vivo kaj naturo akre atakas ĉiujn liajn perceptilojn, li ne povas forgesi tion:

Tien, reen
zigzage mi trairis urbon
per amaso portata;
nekalkulata
nombro de virinoj kaj viroj
okulojn frapis dum la iroj,
sed mi estis sola.

*Zdenek Kalista* estas animo religie pura, monisma, sed, se oni metas la ĉefakcenton sur la flankon spiritan, li ĉirkaŭis sian mondon per altega muro, tra kiu ne enpenetras blovadoj skuantaj la ceteran mondon.

La voĉo de sociala reformanto plej laŭte aŭdiĝas ĉe J. Hora (jam citita), *J. Seifert* kaj *J. M. Piša.* La unua venas el siaj kosmogeniaj himnoj kelkfoje eĉ al pure tendenca pamfleto, dokumentante sian sinceran sindonemon al kolektivisma idearo, la dua en sia „Urbo plena de larmoj" donis kelkajn korpremajn bildojn pri la industriema vivo, la tria pleje impresas pentrante la kontinuecon de la mondo kaj vivo. La objektoj ne estas formoj finfaritaj, sed konstante ŝanĝiĝantaj, do vivantaj. Jen kion vidas la juna poeto atendante en la stacidomo:

Trajnoj genufleksis en stacio antaŭ mi,
domoj sur la stratoj iradis.
Koro, kun flago de siaj koloroj
post fino de bataloj ne atendis.
Pavimo, per manoj kreskantaj, sin kovradis,
Sub vitro dube vivis la beleco.

La juna ĉeĥa liriko jam ofte estis ĉe ni temo de akraj polemikoj, precipe pro sia humanisma karaktero. La kolero de l' kritikantoj ne estis tute prava. Ne nur rajto, sed kvazaŭ devo de la junularo estas: provi la rompon de la tradicio. Ĝi ja ne rompos ĝin, ĉar tiu provo ja estas ankaŭ tradicia. Sed la nova generacio per sia ribelo aldonas eron al la senfina kurblinio de sia nacia kulturo, kiu mem estas ero de la kulturo internacia. Oni ankoraŭ ne scias, ĉu en la plejado de la junaj nuntempaj lirikistoj troviĝas jam la nomo de la nova majstro kaj kondukanto de la generacio transprenonta la posedon de la patroj. Sed la malluma, malorda krea ĥaoso montras, ke tia majstro estas naskiĝanta. Kaj tio estas la plej ĝojinda.

*Kamaryt*

† MAURICE BARRÈS. El la verkoj de la jus, en sia 61-a jaro mortinta franca verkisto prezentiĝas al ni kvazaŭ du tute apartaj individuoj: li estis unu el la plej delikataj stilistoj kaj plej erudiciaj intelektoj kiu serĉis kaj trovis la plej graciajn kaj subtilajn formojn de esprimo; akademiano, grandioza oratoro, disĉiplo de Stendhal kaj Saint-Beuve, sed samtempe kruda kaj aŭdaca politika batalanto, akra kaj moka atakanto, plej decida protagonisto de l'revenĝo antaŭ kaj post la milito.

Kiel beletristo li komencis sian karieron, sed kiel jurnalisto li fariĝis fama kaj populara. En 1884, en sia 22-a jaro li jam fondis malgrandan semajnan jurnalon — Les taches d'encre — akran batalanton por la naciisma ideo. De tiam li ne ĉesis agadi en la sama politika direkto, lian grandiozan debatan kapablon li montris en sia propagando por Boulanger, en la afero de Panama, en la Dreyfus-proceso, kaj poste kiel ĉefredaktoro de „Le Drapeau", atakema kaj intransigenta naciista jurnalo fondita de Deroulede. La saman politikon li reprezentis poste, decide, brile, senindulge, sur la paĝoj de la „Echo de Paris". Li estis ankaŭ parlamentano, ĉiam sur la dekstra flanko, kaj ĉiam en opozicio.

Barrès kiel romanverkisto distingiĝas per la certeco de sia animprezentado, per la detalemaj delikataĵoj de sia karakteriza forto. En 1888 aperis lia unua romano: „Antaŭ la okuloj de l'barbaroj", en kiu unue li disvolvis sian specialan teorion, kiel la individuo transformiĝas sub la efiko de l'socio. Grandegan sukceson havis la romano „La malamiko de l'leĝoj", priskribanta la mondon de l' anarkistoj kaj batalanta kontraŭ la „libera amo". En la romano „La ĝardeno de Berenice" li donas sian aŭtobiografion, sed lia plej granda sukceso estis la triparta romano „La romano de l' energio", en kiu li kontrastigas la francan provincon al la Pariza vivo kaj interese priskribas la epokon de l' boulangismo kaj de l' Panama-skandalo.

Maurice Barrès estis ankaŭ eminenta eseisto, unu el liaj plej famaj verkoj estas la eseo pri reĝino Elizabeto. Ĉi jare li estis la oratoro de l' Akademio je la centjara datreveno de la naskiĝo de Renan kaj lia studo pri Renan estas unu el la plej valoraj kreaĵoj de la franca stil-arto. *—nel.*

H. D. NOMBERG — estas sendube unu el la plej bonaj nuntempaj judaj novelistoj. Jam liaj unuaj verkoj vekis intereson ĉe la publiko kaj la kritiko antaŭdiris grandan, brilan talenton. Kiel ĉiu juda verkisto, ankaŭ Nomberg en siaj unuaj noveloj pentras la antikve-moran vivon de la juda popolo. Mankas en ili ankoraŭ perfekteco, tamen jam sentiĝas, ke lin logas precipe tipoj intelektulaj, forŝiriĝantaj de la

hejma medio kaj vivantaj solece, ie en la ĉefurbo Varsovio, en malvastaj tegmentĉambroj, perlaborante sian vivon per „lecionoj" kaj filozofiante pri la mondo, pri Budha kaj Schoppenhauer.

Lia skribmaniero estas kvieta, malrapida kaj ofte eĉ malvarma, tamen estas liaj verkoj plenlirikaj. Konata juda kritikisto, Ŝ. *Niger*, nomas lin „poeto, lirikisto de Nirvano" kaj tute prave. Karakteriza trajto por la verkado de Nomberg estas la etika kaj psikologia tono, kiu treniĝas tra ĉiuj liaj noveloj, preskaŭ nenie deflankiĝante.

„Venu, amato" apartenas al liaj laste aperintaj noveloj. *Jur.*

# DISPUTO

PLEDO POR „CI". (Opinioj.*) En la „Lingva Respondo" nro. 28. de la serio de „La Revuo" dro. Zamenhof decidas unufoje por ĉiam, la sorton de tiu ĉi malgranda vorto.

Komence li diras, ke la vorto havas specialan lokon en la lingvo, sed per unu ekfrapo de plumo li por ti l diri forstrekas ĝin el la vortaro. Jen lia rekomendo :

„. . . diri al ĉiu, ĉiuj kaj ĉio nur ‚vi'. Malkompreniĝon tio ĉi neniam povos kaŭzi, ĉar en la tre malofiaj okazoj de neklareco ni povos ja precizigi nian parolon, dirante 'vi, sinjoro' aŭ 'vi, ĉiuj', 'vi, ambaŭ' k. t. p."

Sed li aldonas, ke oni ja havas la rajton uzi „ci", se oni „tre sentas la bezonon".

Tiu „Lingva Respondo" sendube pruvas, ke Esperanto, samkiel la plejmulto da modernaj kulturlingvoj, estas „vi-lingvo". „Ci" renkontis morton en sia junaĝo kaj la putrantan kadavron oni ja devas dece enterigi. La spirito postrestos en la verkoj de la poetoj kaj kiam la mondo alprenas Esperanton en sian ĉiutagan vivon, ĝi reviviĝos por la preĝoj de la piuloj kaj la slustroj de la geamantoj. Intertempe ni sekvu la konilon de la Majstro.

Kiam Zamenhof fabrikis la internacian lingvon li enmetis kelkajn elementojn pure artefaritajn. Karesnomoj intimaĵoj kaj „hoc genus omne" estas absolute netaŭgaj por fundamenta regularo. Ili apartenas al la slang-flanko de la lingvo kaj aperas poste, laŭbezone. Tiaj esprimoj naskiĝas sur la lipoj de la parolantoj kaj neniam el la plumo de l' verkistoj. Ilia enkonduko en la Fundamenton baldaŭ atingis plenmeritan morton. La vorteton „ci" la naskinto sufokis propramane en la citita „Lingva Respondo" kaj la nomfiniĝoj „nj", „ĉj" trovis apenaŭ pli feliĉan sorton. Kelkfoje mi legas nomojn tiele kripligitajn, sed preskaŭ neniam aŭdis eĉ la plej frenezentusiasman esperantiston alparoli iun per Esperanta karesnomo. (Noto de l' kompostisto: En lokaj [budapeŝtaj] laboristaj grupetoj ĉe la intimaj geamikoj estas kutimo uzi la karesnomojn.)

La enkonduko de „aĉ" de Boirac (se mi ne eraras devenanta el itala slango) estas ekzemplo de la natura naskiĝo. La finaĵo estas trafa kaj uzinda kaj rapide ekfloris, kun la elpuŝo de la obtuza „fi".

Tiaj vortoj kaj esprimoj apartenas, kiel mi supre diris, al la slanglingvo kaj la parolantoj mem rompos aŭ fabrikos regulojn, kiam la genio de la lingvo sufiĉe fortiĝos por naski Esperanto-slangon.

Nur malmultaj slangvortoj jam estiĝis en Esperanto. Unu estas la nomo de la lingvo mem, sufiĉe feliĉa elekto el la loterio de lingvoŝanco kaj alia estas la ĉiam bedaŭrinda vortaĉo „samideano", sub kies mensoga amplekso ni ĉiuj troviĝas.

Esperanto — aŭ la Esperantaj redaktistoj — ankaŭ elmontras tendencon al kvazaŭ-slango en la uzo de tiaj mallongigoj, kiaj: *U. E. A.*, *E. T.*, *L. M.*, *S. A. T.*, *B. E. A.*, k. t. p., sed tiu tendenco estas samantikva kun *S. P. Q. R.* *Γ. Ξ. Ι. Χ. Θ* kaj tiel plu.

Kiam Esperanton oni parolos ĉe la stratanguloj ni renkontos kares- kaj malkares-terminaron, sed tiu tempo ankoraŭ ne alvenis. *Momus*

*

La kutimo ne uzi en Esperanto intiman alparolan pronomon ŝajnas unuavide kritikinda — por „ci"-lingvanoj. Tamen se oni pli profunde esploras oni devas konstati, ke la preskaŭa manko de „intima" alparola pronomo neniom malriĉigas nian lingvon, ĉar intimeco ne dependas de la pronomo uzata.

Oni faru observojn en naciaj lingvoj uzantaj ekvivalenton por „ci"! Ĉu oni ne devas konstati, ke ekzistas multaj personoj, kiuj ĉiam „ci-adas" sin reciproke (evidente pro kutimo), kvankam iliaj interrilatoj estas ofte tre malvarmaj kaj nekoraj, — do neniel intimaj. Aliflanke estas ankaŭ homoj neniam uzantaj la intiman pronomon, ĉe kiuj reciproka intimeco tute ne mankas. La aplikado de nur unu alparola pronomo do tute ne malebligas aŭ eĉ nur ĝenas la intimecon.

Pro tio estas eĉ preferinde (almenaŭ laŭ mia opinio) uzi en Esperanto nur unu alparolan pronomon. Esperanto ja celas egaligi lingve ĉiujn homojn; kial do per ĉiu alparolo insiste distingi inter personoj preferataj (ci) kaj personoj indiferentaj (vi)? Tia diferencigo eĉ povus kaŭzi malagrablaĵojn.

Krom la ĉi supraj konsideroj restas ankoraŭ unu argumento kontraŭ la aplikado de „ci", — tio estas la pronomo „ci" mem. „Ci", pro sia akra, por ne diri malagrabla sono, ŝajnas neniel taŭga por veki la senton de intimeco. Mi ne dubas, ke la plimulto de la Esperantistoj jam pro tio preferas la molan flatan „vi" ol la siblan „ci", kiu eĉ havas repuŝan efikon.

*Herbert Hammer*

*

*„Ci" — fi!* Estas laŭ mia lingva sento vere malbela vorto. Ĉu vere estas necese havi pli intiman alparolformon ol la kutima „vi"?

El mia propra vivo mi povas diri, ke en nia familio, uzante por ĉiutaga interparolado *nur* Esperanton, neniam estis ia fremda sento, kiam ni uzas „vi". Ni estas vera Esperanto-familio, ĉar mia edzo estas finno ne sciante alian lingvon krom Esperantan kaj finnan, mi estas germanino, same nur sciante Esperantan kaj germanan lingvon, kaj miaj tri duoninfanoj — okjara filo, kvin- kaj trijaraj filinoj —, ni ĉiuj nur uzas Esperanton kaj „vi".

Ĉi tie estas kelkaj gesamideanoj, kiuj ofte uzas la vorton „ci", sed mi vere povas konfesi, ke tiu sono ĉiam trafas mian orelon kiel pugnobato. Oni vere devas esperi, ke „ci" ne estu tro multe uzota aŭ eĉ tute ekstermota. *Selma Anner*

(Laihia, Finnlando)

*

RIMARKOJ. Ĉiuj tri ricevitaj opinioj do estas kontraŭ „ci". Precipe grava estas por ni la opinio de sinjorino Selma Anner, por kiu Esperanto estas vere kvazaŭ ĉiutaga pano, kaj kiu tamen ne sentas ĉi tiun panon sengusta pro la manko de intima pronomo. Kaj, laŭ mia opinio, ĝuste tial ŝi ne sentas ĝin tia. Uzi „ci", laŭ mi, estas signo, ke oni ne sentas ankoraŭ plene la guston de la Esperanta lingvo, kaj volas provizi ĝin per la gusto de sia lingvo nacia. Se mi parolas intime kun iu, ĉu mi elektas por mia alparolo elementon fremdan kaj nekutiman, pri kiu mi konstante devas atenti por ne forgesi ĝin? (En manuskriptoj de ci-istoj oni ĉiam trovas elplumiĝintajn kaj poste korektitajn „vi".) Kaj kara M. Arco, kredu al mi, se vi donas en la buŝon de la patrino tiun vian „ci", 90 procentoj da legantoj ne pensos: kiel intime ŝi parolas, sed: kial ŝi uzas tiun malbelan vorteton? Ĉi tio tute certe ne estos la efekto de vi dezirata.

Sro Momus permesu al mi kelkajn kontraŭdirojn. Sed tiujn, pro *manko de loko*, je sekvonta fojo. *Kopa*

* Vidu: Disputo. No. 8. (11.)

